XXIª jaro. Nº 303 (11) ☆ Monata ☆ Novembro 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Definitiva venko en telegrafio.

Esperanto ĵus gajnis eble sian plej grandan venkon, ĉar la interŝtata konferenco de l' Universala Telegrafa Unuiĝo fine decidis plenumi la deziresprimon de la Ligo de Nacioj kaj doni al nia lingvo definitivan oficialan statutecon, saman kian ĝuis jam delonge la latina lingvo en internacia telegrafa komunikado. Tiu konferenco, sidinta en Parizo dum tuta septembro kaj oktobro, reprezentas eĉ pli da ŝtatoj ol la Ligo mem, ĉar ekzemple Rusland o, Germanujo kaj Usono ne mankas tie.

Artikolo VII de la ĝisnuna regularo interŝtata por telegrafio entenis la jenan paragrafon 3: „El la lingvoj uzataj sur la teritorio de la ŝtato al kiu ĝi apartenas, ĉiu administracio almontras tiujn, kies uzadon ĝi permesas en la internacia telegrafa korespondado klarlingva. La uzado de la latina lingvo estas ankaŭ permesata.“ De nun la lasta frazo diras: „La uzado de la latina lingvo *kaj de Esperanto* estas ankaŭ permesata.“

Kion ĝi signifas praktike? Ke de nun (post la laŭleĝa templimo de dek monatoj) en ĉiu lando oni rajtos telegrafi eksteren en la naciaj lingvoj almontrataj de la enlanda administracio kaj latine aŭ esperante. En ceteraj lingvoj oni rajtos telegrafi nur *ne klare,* t. e. kvazaŭ per kodo nekomprenebla je pli kara tarifo.

Kion ĝi signifas morale? Ke de nun Esperanto estas konsiderata kiel internacia helplingvo jam sufiĉe vaste uzata por ricevi tiun apartan rajton kaj mencion, kiu donas al ĝi oficialan pozicion antaŭ la tuta mondo. Ankaŭ grava estas, ke la konferenco per speciala diskutado de ĝia teknika komisiono rifuzis similan proponon por alia sistemo de mondlingvo. Ni scias, ke tiu bato estas tre doloriga kaj malkuraĝiga al la idistoj. Ne estas nia plezuro ĝoji pri alies ĉagreno. Nur tion ni esperas, ke ili komprenos la vantecon de tiu negativa batalado kaj ĝin forlasos por la bono de la supera celo. La afero nun estas juĝata.

Eĉ la supersignoj neniel malhelpis nian lingvon, ĉar la konferenco plene aliĝis al la vidpunkto de D-ro Zamenhof, ke oni povas ilin anstataŭi per ch, sh ktp., kiam necese.

Kelkaj ĉagrenemaj esperantistoj ofte riproĉis, ke ni perdis nian tempon en tiu longa kvinjara klopodado ĉe la Ligo de Nacioj. Ni volus ilin atentigi hodiaŭ je la fakto, ke la sama propono por Esperanto malsukcesis antaŭ kelkaj jaroj ĉe la Interŝtata Telegrafa Unuiĝo. Estas nedubeble, ke la favora voĉdono de la Ligo lastan jaron pri tiu afero kaj ĝia oficiala komuniko al la Pariza konferenco decidige ŝanĝis la vidpunkton. Tamen restis ankoraŭ kelkaj danĝeroj evitindaj. Tial ni ne bedaŭris la vojaĝon al Parizo.

Lastmomente tre helpis la efektiva subteno de la franca delegitaro, ĉefe kaŭzata de la Pariza Komerca Ĉambro dank' al ĉiam preta servemo de S-ro André Baudet. Al li kaj al ĉiuj esperantistoj, kiuj ebligis tiun grandan sukceson per sia fidela kunlaborado ĉiutaga ni esprimas koran dankon kaj sinceran gratulon. Kaj nun valorigu tiun venkon!

*Edmond Privat.*



# LITERATURO



## La homo kaj liaj vivjaroj.

Laŭ malnova bretona legendo

Kiam la Eternulo mediteme rigardis siajn kreitaĵojn li alvokis ilin — ankaŭ la homon — por decidi, kiamaniere ili vivu kaj kiom da jaroj ili restadu surtere. Alpaŝis la homo la Eternulon kaj Dio diris: „Vi, homo, estas la reĝo inter la kreaĵaro, vi ne rampu en la terpolvo, sed staru rekte. Vi posedu la donon de l' intelekto kaj parolon. Vi estru la bestojn de l' kampo, la birdojn de l' ĉielo, la vermojn de l' tero kaj ĉion en la akvo vivantan. Submetiĝu sub vi ĉiu vivantaĵo; la kreskaĵoj de l' ĝardeno kaj la fruktoj de l' arbo estu via propraĵo. Sur la tero vi vivu tridek jarojn!" — Malĝoje la homo flankestaris pensante: „Neeble, mi estros ĉion, ĝuos la belaĵojn de la mondo kaj vivos nur tridek jarojn? Pro kio nur tiom malmulte da jaroj?" — La azeno humile proksimiĝis al la Eternulo kaj Dio parolis: „Vi suferu penojn kaj toleru, ke oni multpeze ŝarĝos vian dorson. Vi spiregu kaj pro trenado laciĝu, vi tremu sub la batoj de l' kondukisto kaj ŝvitu malhavante ripozhorojn sufiĉantajn; via manĝaĵo estu dornoj kaj kardoj. Sur la tero vi vivu kvindek jarojn!" — Terenfalis la kompatinda besto ĝemkriante: „Kompatu min, Eternulo, ĉu mi suferegu kaj manĝaĉu dum kvindek jaroj? Forprenu dudek, estu kompatema!" — Kaj la homo, la vivavida, rapide genufleksis antaŭ Dio petante, ke Li donu do al li la restantajn dudek jarojn, kiujn la azeno malakceptis. Kardio ridetis kapjesante kaj plenumis la peton de l' homo. — Venis la hundo kaj la Eternulo ordonis: „Vi gardu la domon kaj kuŝu katenite sur la trezoroj. Vi malfidu eĉ la lunon kaj alboju ĉiun ombraĵon. Vi rodu ostojn kaj suĉu medolon. Sur la tero vi vivu kvardek jarojn!" — Plendkrietis la hundo vostvipante la aeron pro tio, ke li nun devos malhavi la liberecon kaj sklavece vivadi sub la jugo de l' homo kaj sin nutri per ostaĵoj kaj putra viando; li petegis Disinjoron, ke li mallongigu lian vivtempon je dudek jaroj. — Ree la homo brilokule petis, ke la Eternulo donu al li tiujn dudek jarojn. Ridetante Dio ilin bonvole donacis. — Fine saltetante alrapidis la simio kaj parolis Kardio: „Vi nur aspektu homo, sed vi estu stulta, infanece stupida, senmensa, senracia kaj marŝu vizaĝaltere sur kvar piedoj kun dorso arkforme kurbigita. Vi estu ĝojigaĵo por infanoj kaj imitinda modelo por malsaĝuloj. Sur la tero vi vivu sesdek jarojn." — Polvenfalis la priplorinda simio balbutante, ke la Eternulo mildigu sian ordonon kaj permesu, ke tridek jaroj da vagado surtera estu sufiĉaj por tia mokinda estado. — Kaj ree la vivavida homo alpaŝis Dion kaj petpostulis la tridek jarojn de l' simio ne ŝatitajn. „Estu", respondis abrupte la Potenculo. — — Tiel vivis la homo, la krono, la perlo inter ĉiuj estaĵoj, dum tridek jaroj, senzorge serene, feliĉe en sia juneco. Sed forflugis la junaĝo kaj — kio okazas nun? Inter la trideka kaj kvindeka jaroj zorgoj kaj penoj estas la sorto — la memelektita — de l' homo; li devas labori, laboradi ŝvitante kaj ofte eĉ ĝemplendante, toleri batojn, suferi malagrablaĵojn kaj streĉe kuneskrapi la necesan, la panon ĉiutagan. Sed — pro kio li plendas? Ĉu la Eternulo ne akurate plenumis liajn petojn, estingis la fajron de lia vivavido? — Tiuj dudek jaroj estas la azenjaroj de l' homo. — Se li ion kolektis ĝis sia jaro kvindeka li kuŝripozas sur la trezoroj, gardas la domon, fidas neniun, insultas la najbarojn kaj apenaŭ riskas manĝi nutrige pro ĵaluza envio kontraŭ si mem. Jen la hundojaroj de l' homo. Li tre ofte ĝisvivas la sepdekan jaron kaj de nun li perdas la prudenton, la intelekton, fariĝis kvazaŭ ruino, faras infanaĵojn, iras kun dorso kurbiĝinta tra la stratoj moke priridata de petolemaj junuloj. O, la simijaroj de la homo!

Esperantigis *M. Butin*, L. K.

## La unua rajdo.

El „Lavengro" de *George Borrow*.

Kaj okazis, ke kiam mi estis staranta apud la pordo de la kazerna ĉevalejo, unu el la grumoj elvenis al mi dirante: „He! juna sinjoro, mi deziras, ke vi donu promenadon al la kobo*) hodiaŭ matene."

„Kial vi deziras, ke mi sursaltu ĝin?" mi diris. „Vi scias, ke ĝi estas danĝera. Antaŭ nur kelke da tagoj mi vidis ĝin, kiam ĝi forĵetis vin de sia dorso." „Jen la tuta afero, mastro. Mi volus vidi kiun ajn sur ĝia dorso prefere ol min; mi ne plaĉas al ĝi; sed por tiuj, kiuj al ĝi plaĉas, ĝi povas esti ĝentila kiel ŝafido."

„Sed", diris mi, „supozu, ke *mi* ne plaĉos al ĝi?" „Ni baldaŭ ekscios tion, mastro", diris la grumo, „kaj se okaze ĝi montros malbonhumoron, mi estos la unua kiu averte konsilos, ke vi desaltu. Sed tio ne estas kredebla; vi ankoraŭ neniam ĝin kolerigis aŭ insultis, kaj por tia, kia vi, denove mi diras, ĝi estos ĝentila kaj ŝafido."

„Kaj vidante, ke vi tiel bone konas ĝian humoron", diris mi, „kiel okazis, ke vi ĝin insultis?"

„Nure pro forgesemo, mastro. Mi estis rajdanta sur ĝi, proksimume antaŭ unu monato, kaj havante bastonon en la mano, mi ĝin frapis, pensante, ke mi estas sur alia ĉevalo, aŭ pli verŝajne, pensante pri nenio. Ĝi ankoraŭ ne pardonis min, kvankam antaŭ tiu tempo ĝi estis la sola amiko, kiun mi havis en la mondo. Mi volas vidi vin sur ĝi, mastro."

*) Kobo = dika ĉevalo.

„Mi estus baldaŭ *mal*sur ĝi: mi ne povas rajdi."

„Do sendube ĉio estos bona, mastro. Fidu al ĝi. Ĝi ne malutilos al juna sinjoro, filo de oficiro, kiu ne povas rajdi. Se vi estus fripona dragono, kun longaj spronoj, tio estus alia afero; sed je vi ĝi kondutos kvazaŭ ĝi estus pliaĝa frato kiu vin amas. Rajdi! Ĝi baldaŭ lernigos vin rajdi, se vi lasos la aferon al ĝi. Ĝi estas la plej bona rajdinstruisto en tuta Irlando, kaj la plej malsevera."

La kobo estis elkondukita: kia grandega kreitaĵo! Mi ofte ĝin vidis antaŭe, kaj pri ĝi miris. Ĝi estis alta apenaŭ kvin futojn sed ĝi havis la dikecon de ŝarĝveturila ĉevalego; ĝia kapo estis malgranda kompare kun ĝia grandega kolo, kiu gracie kurbiĝis al ĝia vasta dorso: ĝia brusto estis larĝa kaj bela, kaj ĝiaj ŝultroj — modeloj de simetrio kaj fortikeco; bone kaj forte ĝi staris sur kruroj iom mallongaj. Unuvorte, ĝi estis belega specimeno de la vera irlanda kobo, speco iam ne malofta, sed nuntempe preskaŭ elmortinta.

„Jen!" diris la grumo, rigardante ĝin duone admire, duone malĝoje, „kun cent kilogramoj sur sia dorso ĝi povas troti dekkvar mejlojn en horo, kun viaj sesdek kilogramoj ĝi povos troti du kaj duonon plu, jes, kaj supersalti sesfutan muron ĉe la fino."

„Mi duone timas", diris mi, „mi plivolus, ke vi rajdu sur ĝi."

„Mi plivolus ankaŭ, se ĝi permesus al mi; sed ĝi memoras la baton. Nu, ne timu, juna mastro, ĝi estas avida por eliri. Dum lastaj tri tagoj ĝi senpacience piedobatadis kaj mi scias kion signifas tio; esceptinte min, al kiu ajn ĝi permesos rajdi, kaj dankos; sed al mi ĝi diras: Ne! vi batis min."

„Sed", diris mi, „kie estas la selo?"

„Vi ne zorgu pri la selo; se vi deziras fariĝi facila rajdanto, vi devas komenci sen selo; krom tio, se ĝi sentus tuŝon de selo, ĝi pensus, ke vi ne fidas al ĝi, kaj malatentus al vi. Nu, antaŭ ol vi surdorsiĝos, konatiĝu kun ĝi — rigardu kiel ĝi vin kisas kaj lekas vian vizaĝon, kaj rigardu kiel ĝi levas sian piedon tio estas kvazaŭa manpremo. Vi povas fidi al ĝi — fine vi estas sur ĝia dorso; atentu kiamaniere vi tenas la bridrimenon — milde, milde! Kvar paroj da manoj similaj al la viaj ne povus teni ĝin se ĝi dezirus ekiri. Atentu pri tio, kion mi diras al vi — lasu ĉion al ĝi."

Trotete kaj malrapide ekiris la kobo, tamen tro rapide por tiel nesperta rajdanto. Baldaŭ mi sentis min forglitanta, la besto ankaŭ eksentis tion kaj tuj staris senmove ĝis mi rektiĝis; kaj jam apudvenis la grumo.

„Kiam vi sentas vin forglitanta", diris li, „ne ekprenu la kolharojn, tio nenion utilos al vi; la kolharoj ankoraŭ neniam savis homon kontraŭ falo pli efike ol pajlo kontraŭ droniĝo; al ĝiaj *flankoj* vi devas firmteni per viaj kruroj kaj piedoj ĝis vi ekscios kiel egalpezi vin. Jen kion vi devas fari! Nu, for de tie ĉi! Vi estos laŭregula ĉevaldresisto kiam vi revenos."

*

Kaj tiel okazis. Mi agis laŭinstrukcie kaj la kobo ĉiamaniere helpis al mi. Kia facilaĵo al flekseblaj kaj junecaj membroj estas rajdado, kiam la unua timemo estas venkita; kaj ne ekzistas dua timo. La besto baldaŭ eksciis, ke la nervaro de ĝia rajdanto estas bontona. Duone turnante la kapon, ĝi kvazaŭ krietis, elĵetis iom da ŝaŭmo, kaj ekiris.

Post malpli ol du horoj mi estis rondirinta la „Diablan Monton", kaj estis revenanta laŭlonge de la vojo, ŝvitkovrite sed akre kriante pro raviĝo; la kobo ridis laŭ la ĉevala maniero, disĵetante ŝaŭmon kaj ŝtonetojn dekstren, maldekstren, kaj trotante po dekses mejloj en horo.

Ho, tiu rajdo! tiu unua rajdo! — Plej vere ĝi estis epoko en mia ekzistado, kaj mi ankoraŭ rerigardas al ĝi kun sentoj de sopiro kaj bedaŭro. Oni priparolas la unuan enamiĝon, kaj kredeble, tio estas tre agrabla fariĝo, sed mi havas la ekruĝiĝon, la triumfon kaj gloran ŝvitadon de la unua rajdo sur la potenca kobo. Mia tuta ostaro ricevis skuadon. estas vere, kaj en la daŭro de unu longa semajno mi apenaŭ povis movi piedon aŭ manon; sed ne gravas! Per tiu unua provo mi fariĝis kvazaŭa privilegiulo de la tuta ĉevala speco. Nenia laciĝo plu, nenia plua rigidiĝo de la artikoj post tiu unua rajdo ĉirkaŭ la „Diabla Monteto" sur la kobo.

Ho, tiu kobo! tiu irlanda kobo! La herbteraĵo malpeze kuŝu sur la ostoj de la plej forta, plej rapida kaj plej ĝentila el ĝia speco!

Ho! la tagoj, kiam elirante tra la kazerna krad-pordo de Templemore ni komencis nian rapidegon, ĝuste laŭ la inklino — jen trans la kampoj — rekte super la ŝtonaj muroj kaj fluantaj riveretoj — nura flankokupo de la kobo — jen laŭlonge de la vojo al Thurles kaj Holy Cross, eĉ ĝis malproksima Cahir. — Ĉu gravas la distanco por la kobo?

Tiel unue naskiĝis ĉe mi la pasio al la ĉevala raso — tiu pasio, kiu ĝis nun kreskis iom pli ol malkreskis.

Ĝi ne estas blinda pasio; la ĉevalo estas nobla kaj grandanima kreitaĵo, destinita de la Ĉiosaĝa por esti la helpanto kaj amiko de la homo, al kiu ĝi staras plejproksima en ordo de kreado. Multfoje dum mia vivado mi ŝuldiĝis al la ĉevalo kaj trovis ĝin amiko kaj kunaganto, kiam homa helpo kaj kunsento ne estis riceveblaj. Estas do sufiĉe nature, ke mi amas la ĉevalon; sed mia amo al ĝi estas miksita kun respekto; ĉar mi baldaŭ eksciis, ke kvankam inklina por esti la amiko kaj helpanto de la homo, ĝi tute ne inklinas por esti lia sklavo; kaj en tiu rilato ĝi diferencas de la hundo, kiu kaŭras batita; kontraŭe, la ĉevalo malhumiliĝas, ĉar ĝi konas sian indon kaj scias, ke ĝi portas la morton en sia korneca hufo.

Do, se al mi estis facile ami la ĉevalon, estis egale nature ĝin respekti.

El la angla tradukis *Walter Severn.*

---

# *La Rivero de la Forgeso.*

*(Joaquim Nabuco).*

(Joaquim Nabuco de Araujo naskiĝis 1849 en Brazilo kaj mortis en 1910. Li estis unu el la plej viglaj spiritoj en sia naskolando, skribinte dekojn da verkoj en portugala, franca kaj angla lingvoj, kiujn li perfekte estris. La titoloj estis variaj: jurnalisto, probatalinto pro la malservutigo de l' negroj, li iĝis tuj fama pro siaj varmaj, elokventaj paroladoj. Kiel eksterordinara komisiito kaj plenrajtigita ministro, li defendis la brazilajn interesojn ĉe la fama afero de la limoj de Brazilo kontraŭ la angla Gujano, afero, kies arbitracianto estis Italio. Li estis iam ministro en Londono kaj antaŭ sia morto ambasadoro en Washington. Li estis unu el la fondintoj de la Historia Instituto kaj de la Brazila Beletristika Akademio.)

Tiam mi vidis fluantan tra la tempo la grandan riveron de la *Forgeso.* Ĝi estis volumenega, profunda, malluma densaĵo, kiu ŝajnis senmova, tiel malrapida estis ĝia fluado, kaj kiu reĵetis neniun el la radioj de la helega matenlumo disradianta de la ĉielo. La horoj, la minutoj enfaladis tien, kiel gutoj tuj englutataj de la senbrila glataĵo. Tiu ebenaĵo, neniam haltanta, sorbante la tempon, timigis la eternon mem, kiu, iom post iom, estis nepre tute malaperonta en la senviva fluo. Kontraŭ tiu ĉi, la vivo naskis alian, sed tiu lumega, iranta laŭ kontraŭa direkto. Kaj en la riveron de la Forgeso eniĝadis por ĉiam, sen rememoro kaj nomo, homoj kaj nacioj, mondoj kaj sunoj, tutaj kreitaroj sin intersekvantaj, kiuj estis daŭrintaj milionojn da jaroj. La *Gloro*

estis la malplej rimarkinda alfluo al tiu kolosa riverego. Kaj ĝi tie estingiĝis, sen la plej nedaŭra rebrilo sur ties supraĵo. La *Memoro* penadis savi iujn el tiuj relikvoj de la tempo, kiam la homaroj adoradis sin mem, sed el ĉiuj planedoj, plimalpli frue, tiuj restaĵoj de la frakaso de l' naturo estis portataj, unu post alia, en la grandegan kuŝejon de la epokoj, ĝis kiam la memoro mem siavice tie malaperis.

Kaj mi rigardadis tiun senbrilan, mallumegan densaĵon de la *Nenio,* pasintecon, en kiun la plej belaj vivformoj aliiĝas laŭvice, ĉe la eterna fonto de la nova vivo, nuna kaj estonta, senmorta, ĉiama, kia la alia fluo.

Inter la unua kaj la dua, superregante ilin ambaŭ — estis *Dio.*

Esperantigis *Porto Carreiro Neto.*

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Enciklopedia Vortaro. — Literatura Informilo. — Rememoroj. Broŝuro. — Sciencaĵo. — Legolibroj. — Spiritismo. — Kanto.**

*

Kion diri pri la *Enciklopedia Vortaro, dua parto,* ne ripetante la informojn kaj laŭdojn estigitajn de la unua, aŭ la specialajn artikolojn de kompetentuloj? Ĝi unue enhavas la komencon (8 paĝojn en germana kaj esperanta tekstoj apudpaĝaj) de studo titolita „Esperantologiaj principoj" kun unua ĉapitro: „Ĝusto kaj boneco de esprimo" kaj komenco de dua: „Lingva evolucio centripeta kaj centrifuga". Tion legos, ne rapide, pro la iom tro fundeca stilo de l' aŭtoro, sed kun streĉa intereso ĉiuj, kiujn esenco kaj disvolvo de nia lingvo interesas. La vortaro mem (144 paĝoj) iras de „ĉerko" ĝis „folio"; la detaleco, precizeco, multeco de ĉiuj eblaj informoj estas nekredebla, kaj la laboro de l' aŭtoro kaj ties helpantoj samtempe grandega kaj science neriproĉebla. Kvankam esperanta-germana estas la verko, kaj kvankam oni povas konjekti, ke kvin aŭ ses partoj, ĉiu je sufiĉe alta prezo, estos necesaj por la tuto, kiun la firmo promesas por fino de l' proksima jaro, tamen ĉiu esperantisto, kiu faros la oferon havigi al si la vortaron, tion neniam bedaŭros; li estos provizinta sin per la plej bona helpilo por ĉiu esperanta laboro, kaj helpinta eldonon gravegan por nia movado.

*

La *Literatura Informilo* eldonita de l' sama firmo ne estas simpla librolisto aŭ nura reklamilo. Leteroj de aŭtoroj pri sia verkadcelo estas interesaj, kiel ankaŭ specimenaj paĝoj de novaj romanoj. Ĉu ne amuze estas legi, subskribitan de J. Forge, la frazon: „Certe vi jam opinias, ke mi estas homo iom aroganta kaj tro memfida, kiu ŝatas laŭdi sin", kiam vere la tuta artikolo pekas per ridinda kaj malplaĉa memadmiro.

*

La *Rememoroj de Esperantisto* plaĉos al multaj, precipe al jam malnovaj samideanoj, ĉar nombro el ili ankaŭ spertis similajn okazintaĵojn en sia lando; ili ankaŭ ne forgesis la unuan ekkon... de Esperanto, la lernadon malfermantan al ili novan perspektivon, la entuziasmon de l' freŝa varbito, la unuajn korespondojn kun eksterlando, la unuajn partoprenitajn kongresojn, la vivon en grupoj, la propagandon kun sukcesoj kaj malfacilaĵoj ĉiuspecaj. La rakonto de Ada estas viva, interesa, loke emocia kaj bone verkita. Nur nemultaj eraretoj (komprometi) aŭ strange uzitaj vortoj (kadenco) enŝoviĝis en tiuj simplaj sed agrablaj travivaĵoj de multon spertinta samideano.

*

*La lasta kravato de Aleksy* estas originala nuntempa rakonto, sed ĝia esperantigo ne estas tre bona; en multaj lokoj troviĝas frazoj ne tuj kompreneblaj. Oni estus povinta eviti tion petinte konsilojn de spertulo antaŭ la preso.

*

De multaj flankoj estas postulata kolekto da sciencaj verkoj ĝis nun tro maloftaj en Esperanto. Jen unu nova en biblioteko de Sennaciulo: *La Kemio de l' Universo.* Ĝi traktas problemojn, kiuj ludas ĉefan rolon en la hodiaŭa scienco. La plej novaj eltrovoj aŭ hipotezoj de kemiistoj, mineralogoj, fizikistoj, astronomiistoj estas sinteze kunligitaj por klarigi la devenon, la konstruon, la evoluon de nia kosma universo. Tre interesa verketo, kies plenan komprenon iaj antaŭaj konoj en la priparolitaj sciencoj faciligos. En la speciala antaŭparolo por la esperanta eldono prave diras la aŭtoro: „Unueco de materio kaj unueco de leĝoj difinas per si la esencon de reala mondo kaj la majeston de ĝiaj multeformaj fenomenoj. Unueco de penso kaj unueco de komunikiĝmetodoj, unueca familio kaj unueca lingvo — ili difinas la esencon de la homa kulturo kaj la majeston de ĝiaj estontaj vojoj."

*

Ni ne mankas je bonaj legolibroj; la aparta gusto de iliaj aŭtoroj montriĝas en la elekto de la tekstaro; tiun de *B.* kaj *E. Migliorini,* mi komparus kun la bonega unua legolibro de Kabe pro la varieco kaj intereso de l' enhavo: anekdotoj, legendoj, studoj pri lingvo, stilo aŭ esperantismo, elĉerpaĵoj el fremdaj literaturoj, kelkaj poezioj inter la prozaĵoj. Vere la elekto estas tute taŭga kaj la legolibro certe estos inter la plej ŝatataj de lernantoj. *Petro,* alia kursa lernlibro, konsistas el 30 unupaĝaj gradigitaj tekstoj rakontantaj la vivon de junulo, poste laboristo kaj SAT-ano; ĝia lego kaj prilingva studo devas konduki instruaton al posedo de nia lingvo. Tiu frazo el unu leciono koncize diros la celon de l' aŭtoroj: „Li instruis laŭ rekta metodo kaj ne uzis nacilingvan lernolibron, ĉar per tio li volis atingi, ke li samtempe kun la lernigo de la lingvo enpenetrigu spiriton de sennaciismo en la mensojn de la lernantoj." Oni do ne miros pri la tendenca enhavo, nek pri akcepto de novaj afiksoj; oni ankaŭ rimarkos kelkajn germanismojn, kelke da neklaraj gramatikaj reguloj, sed oni gratulos pro bonaj bildaroj pri prepozicioj kaj afiksaro. Iom simila al la Karlo de Privat, tamen Petro, pro la volo de l' aŭtoroj, ne facile estos akceptata ekster SAT-rondoj.

*

*La malaperinta amiko* estas spiritista verko. Ĝi estas dulingve prezentata kun apudaj franca kaj esperanta tekstoj. La aŭtoro diras, plej objektive, pri diversaj spiritistaj fenomenoj okazintaj en Mantes (Francujo), kie diversaj spiritoj regule aperas antaŭ simpatia ĉeestantaro kaj ielare vidigas aŭ komprenigas sin. La ĵusa spiritista kongreso en Parizo pliaktualigis tiun temon. Sed en tiu movado intima senrezona fido ludas pli gravan rolon ol sciencaj eksperimentoj. Anoj de spiritismo certe tiros el la libro fortan konfirmon de sia kredo, dum kontraŭuloj ne el ĝi elĉerpos sufiĉan konvinkon por delasi sian skeptikemon. Parto de tiu verko jam aperis en kelkaj aldonoj al „Heroldo de Esperanto." La teksto esperanta estas plene komprenebla.

Bela muziko por kanto kaj fortepiano estas „*La Anĝeluso*“, kies parolojn tradukis S-ro de Ménil. Tre agrable, plaĉe sonas la melodio, kiu trafe agordiĝas al la teksto kaj elvekas la pacan ripozan senton signitan de l' vespera postlabora kampara sonorado.

*G. S.*



## *Kantantaj postenoj.**)

(Muziko de Miĥaelo Sárosi)

*Kun lupbojado vento vetveadas . . .*
*La frosto siblas: fajfas vintroprinc'.*
*Kun gaj' freneza neĝo dance vadas*
*laŭ blov' jetante sin kun knara grinc'.*
*En la muzik' ĥaosa dum la mortobalo*
*malsata korvograk' koncertas en la valo,*
*sed spitas fiere kun firma sinten'*
*ĉe lim' manĝuria-japana posten'.*
*La juna soldato kun rava r gard'*
*kun koro kantanta postenas en gard':*
*Ĉerizfloro pompas, ĉerizfloro falas;*
*geŝo june ridas. geŝo velke palas.*
*Hejmojn la tertremo rube rulas, ŝovas;*
*fruktojn la tajfuno en la maron blovas,*
*sed ne detrueble en la kor' japana*
*vivas patrujamo ĉe la F u j i j a m a.*

*Li vigle gardas, al la val' rigardas . . .*
*Ŝtiparo karbe brunas tie jam*
*Ĉi morta fajro en li vive ardas*
*ĉar lia frat' cindriĝis en la flam' . . .*
*Heroajn cindrojn de l' model' pri „brave morti“*
*al Nippon nun la vento portas por raporti,*
*ke spitas fiere kun firma sinten'*
*ĉe lim' manĝuria-japana posten'.*
*La juna soldato korŝire pro sent'*
*nun kantas ekstaze tra l' muĝo de l' vent':*
*Ĉerizfloro pompas. ĉerizfloro falas:*
*geŝo june ridas, geŝo velke palas*
*Hejmojn la tertremo rube rulas, ŝovas,*
*fruktojn la tajfuno en la maron blovas,*
*sed ne detrueble en la kor' japana*
*vivos patrujamo ĉe la F u j i j a m a.*

*La okcidenta vento tra la limo*
*jen novan kanton flustras al li nun:*
*ribela kanto pri mizer' kaj ŝlimo,*
*pli forta ol tertremo kaj tajfun' . . .*
*La venĝfuror' miljara sangsoife bruas,*
*renversas ĝi miljarajn regnojn, mondon skuas,*
*sed spitas fiere kun firma sinten'*
*ĉe lim' manguria-japana posten'*
*kaj tondras plengorĝe kun unu anim'*
*la miloj da viglaj postenoj ĉe l' lim':*
*Ĉerizfloro pompas, ĉerizfloro falas;*
*geŝo june ridas, geŝo velke palas.*
*Hejmojn la tertremo rube rulas, ŝovas,*
*fruktojn la tajfuno en la maron blovas,*
*sed ne detrueble en la kor' japana*
*vivas patrujamo ĉe la F u j ı j a m a.*

Julio Baghy.

*) Kantita de S-ro *Sárosi* dum la Ĝeneva Kongreso en la Urba Teatro.



# NOTOJ



**Blanka karbo,** t. e. energio de movanta akvo (torento, akvofalo, rivero) estas fortofonto de estonta industrio. La instalaĵoj por utiligi la akvoforton kostas treege, sed poste — la instalaĵoj faritaj — oni ne bezonas aĉeti lignon, karbon aŭ nafton por movigi la maŝinojn, ĉar la akva forto mem estas senpaga. Suba tabeleto montras per proksimumaj ciferoj la nunan staton de utiligo de la akvofortoj, esprimitaj en „ĉevalpovoj“:

| Landoj | Tuta energio de la akvo | Energio jam utiligata | Procentaĵo de la povo disponebla |
|---|---|---|---|
| N. Germana . . . . | 1 450 000 | 900 000 | 38 |
| Japana . . . . . . . | 1 000 000 | 500.000 | 50 |
| Usona . . . . . . . | 19,500 000 | 10.000 000 | 50,5 |
| Bavara . . . . . . | 455 000 | 200 000 | 56 |
| Itala . . . . . . . | 5 500 000 | 2.275 000 | 60 |
| Norvega . . . . . . | 7 500 000 | 2.000 000 | 62,5 |
| Svisa . . . . . . . | 3.000.000 | 1 000.000 | 66,7 |
| Franca . . . . . . | 9 500.000 | 2.900 000 | 69 |
| Hispana . . . . . . | 5.000.000 | 1.000.000 | 80 |
| Sveda . . . . . . . | 6.750 000 | 1.200.000 | 82,5 |
| Rusa . . . . . . . | 11.000.000 | 500.000 | 95 |

**Koloro de pura akvo.** Nenio estas pli komune uzata kaj universale konata ol akvo, kaj tamen la scienco ĝis nun ne povis trastudi ĉiujn ecojn de akvo. En klasikaj lernolibroj de fiziko oni legas, ke akvo estas fluidaĵo sengusta, senkolora, ktp. Nun, estas jam pruvite, ke tiu priskribo ne estas korekta, almenaŭ ke la akvo estas senkolora. Belga fizikisto *Spring* speciale studis koloron de pura akvo, kaj se liaj konkludoj pri la koloro de absolute pura akvo ne estas definitivaj, tamen li pruvis, ke pura akvo ne estas senkolora. Unue li konstatis, ke plej pura akvo, konservata en vitra vazo, jam ne estas akvo, sed solvaĵo de vitro en la akvo. Por ricevi pli puran akvon li uzis platenajn vazojn, kaj purigis la akvon per pluraj procedoj, por forigi mineralojn, gasojn kaj ceterajn substancojn, kiujn entenas ordinara akvo. Relative pura akvo, kies dika tavolo montris flavetan aŭ verdetan koloron, fariĝis pli kaj pli senkolora laŭ la grado de la plipurigo. La akvo iĝis perfekte senkolora, sed ne tute diafana (travideca). Do Spring daŭrigis la purigadon per delikataj kemiaj procedoj. Kemie pura akvo jam ne estis senkolora, sed helblua, kaj tiu bluo iĝis pli intensa kun la plua plipurigo de la kemia akvo. Tial la scienculo konkludis ke absolute pura akvo devas havi intensan bluon, kiu ĝuste estas observata en serena ĉielo, kie la akvo estas en treege pura stato, ĉu vapora, ĉu guteta, ĉu veziketa. Pro la flaveta nuanco de polvo, kiu nepurigas la akvon, ĝi fariĝas senkolora, ĉar la blua plus flaveta koloroj reciproke neniiĝas. Pli granda malpuraĵo donas al la akvo flaveton. La verda koloro de akvo en maro kaj montaro dependas de la mineraloj dissolvitaj.

**Enigmo de l' blanka raso.** Nigra hararo estas normala por la homaro. Efektive, oni vidas nigrajn harojn ĉe ĉiuj rasoj kaj gentoj de la terglobo: negroj kaj eskimoj, papuoj kaj laponoj, patagonoj kaj samojedoj, malajoj kaj indianoj. Nur unu escepto estas, tiu de la blanka eŭropa raso, kun blondaj haroj, kies plej pura tipo estas konservata ĝis nun ĉe gentoj de Nord-Orienta Eŭropo: skandinavoj, prusoj, litovoj, blankrusoj, saksoj, poloj, estonoj, finnoj. Laŭ esploroj de etnografoj la blanka raso malaperas, tio signifas, ke la brunuloj pli rapide multiĝas kaj pli forte herediĝas ol la blonduloj. Ĉi tie ne temas pri lingvaj familioj, sed nur pri fizikaj rasoj. Kie kaj kial aperis tiu escepto en la homaro, la blonda raso? Ĝis nun neniu respondis pri tio konvinke. Oni povas hipotezi, ke ĝi formiĝis pratempe en ebena Eŭropo, kie la densaj arbaroj kaj marĉoj efikis sur la primitivan nigran rason, kaj tial ĝi paliĝis, senbruniĝis.

(Laŭ *B. B.*)



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## Esperantistaj problemoj.

I.

### La gazetaro.

Kiu atente observis la esperantistan movadon dum la jaroj 1919—1925 konstatas kun ĝojo, ke la grava krizo de l' milita tempo estas tute egaligita. Sennombraj kursoj, arego da novaj propagandistoj rapide kompensis tion, kion ni perdis, se ne en ĉiuj landoj, almenaŭ en la plimulto. Tamen . . . . tiu ĉi ĝojiga aktiveco, atestante internan forton de l' ideo, ne montras egalan fortiĝon organizan. Ekzistas efektive „interna krizo" kaj estus nesaĝe malatenti la signojn de tiu ĉi krizo.

El kio ĝi konsistas, tiu ĉi krizo? Ni povas ĝin nomi la krizon de troproduktado. Kaj vere! Tro multaj gazetoj, tro multaj libroj, tro multaj organizaĵoj! Jen mallonge kaj precize tio, kio ne mankas en nia movado, sed kio estas abunda. Ni ekzamenu tiun konstaton.

Aperas nuntempe 69 gazetoj ĉiaspecaj. El ili estas 39 naciaj kaj 30 internaciaj periodaĵoj. Ĉu tiu ĉi nombro havas bonan proporcion kun la nombro de legantoj? La helpokrioj de ĉefaj periodaĵoj esperantistaj konfirmas ke *ne.* Laŭ plej fidindaj ciferoj la nombro de la organizitaj aktivaj esperantistoj pagantaj regulan kotizon ne superas 30 000 personojn. Tridekmil *eblaj* abonantoj kontraŭ 69 aboneblaj gazetoj, do unu gazeto je 400—500 personoj. Sed estas gazetoj, kiuj eĉ ne atingas tiun ciferon kaj forte plendas pri *neabonemaj* samideanoj. Kiel minimumon de ekzisto de l' plimulto el tiuj gazetoj oni povus fiksi mezan nombron de 2000 abonataj ekzempleroj. Rezultas do, ke por vivigi ĉiujn, necesus ke ĉiu organizata samideano abonu 4—5 periodaĵojn. Ni lasas la juĝon al la legantoj pri tiu perspektivo.

Kial do oni eldonas gazeton, vidante la certan malsukceson aŭ fiaskon? Klasigante niajn gazetojn laŭ eldonmaniero ni povus starigi du klasojn:

1. gazetoj de societoj, fakaj aŭ naciaj;
2. gazetoj de sendependaj personoj.

La neceso de oficiala gazeto de nacia aŭ faka organizaĵoj estas nekontestebla. Praviĝas ilia eldono nur, se ekzistis certaj fundamentaj kondiĉoj. Sufiĉa nombro de abonantoj estas la simpla formulo kaj ilin garantias nur granda lando. Tial la oficialaj gazetoj de la grandaj landoj relative bone funkciis antaŭ la milito. Ke tiuj samaj eldonaĵoj hodiaŭ luktas pri la ekzisto estas ĝuste la signo de la krizo. Plimultiĝis la nombroj de lernantoj kaj tamen tiuj gazetoj malsanas je anemio. Tiom pri la nacia gazetaro.

La *faka gazeto* estas ofte produktaĵo de fervoraj samideanoj, kredante atingi la kaŝitajn esperantistojn, por ke ili abonu la bonintence eldonatan revuon, bultenon aŭ gazeton. La nunaj detaloj estas bone konataj al multaj el ni. Kion necesas koni, estas la saniga medikamento. Mallonga estas la formulo kaj radikala la kuracado:

1. Ŝanĝo en la redakta maniero de kelkaj naciaj gazetoj.
2. Redukto de la nombro de aliaj per kunfandiĝo.

La unua kuracilo estas esence ligita kun alia nebona fakto de nia propagando. Mankas al ni efektive taŭgaj, allogaj propagandiloj en la ĉefaj lingvoj. La folietoj eĉ bone verkitaj, parolantaj pri la neceso de internacia lingvo, ne plu impresas la publikon. Urĝas trovi ion novan, aŭ pli bone *apliki* ĝin, ĉar ĝi jam ekzistas. Estas la britaj samideanoj kiuj efektivigis la ŝanĝon. Kaj vere, la gazeto „International Language" eldonata de la Brita Esperantista Asocio plenumas la du kondiĉojn: Nacilingva gazeto kun aktuala enhavo sub bona kaj riĉa formo, taŭga por la propagando. Por la oficiala parto sufiĉas kvarpaĝa samgranda bulteno, nemultekosta. For kun la troeco de literaturo, for kun la malbonaj poemoj! La sperto montris, ke tiu nacilingva gazeto kun artikoloj de konataj verkistoj, praktikuloj, scienculoj, artistoj, iel tuŝante la internacian lingvon, vekas la intereson de la gazetaĉetantoj; la aktualeco de la enhavo, la rapida informiĝo pri la lastaj okazintaĵoj esperantistaj lerte aranĝita, certigas la vendadon. Kiel propagandilo ĝi estas vere taŭga; ni mem ofte povis utiligi tiun gazeton, varbante al Esperanto interesajn personojn kio per kia ajn ordinara varbilo ne estus sukcesinta. Dependas multe de la aranĝo, kaj tiudirekte la britaj samideanoj certe sukcesis. Kiam la tuta mondo en antaŭa jaro parolis pri la konata packontrakto de Versailles, aperis numero de I. L. („International Language") kun la altira titolo: *The Tragedy of Versailles* (La Tragedio de Versailles). Tute ne tuŝante la politikajn aŭ ekonomiajn problemojn, la artikolo pritraktis la malfacilaĵon de l' redaktado de tiu ĉi kontrakto, neĝusta interpreto de iuj partoj ktp. La titolo vekis la intereson de personoj, kiuj tute ne estus atentintaj esperantistan titolon.

*Resume:* Taŭga propagandilo en formo de revuo kun nacilingvaj artikoloj de famaj personoj. Alta nombro de eldono, kiu certigas ricevon de anoncoj, pagantaj la kvaronon de la eldonkosto. Tia gazeto ja nur povas esti aperigata en grandaj landoj, do Britlando, Germanio, Franclando kaj Italio.

La societoj en la malgrandaj landoj ja ne povas riski eldonon de tia gazeto. Sed estus ekzameninde, kiel povus esti utiligata valoraj artikoloj, por tiuj landoj, ne povantaj ankoraŭ eldoni propagandan gazeton.

La aro da naciaj gazetoj, pene ekzistantaj transiru al nura „Informa bulteno" aŭ, kie tio estas ebla kuniĝu laŭ geografiaj vidpunktoj (*Balkana gazeto,* anstataŭ du aŭ tri aliaj; *Norda* por la Skandinavaj landoj, *Orienta,* por la malgrandaj ŝtatoj limantaj Ruslandon ktp.)

La faka gazetaro distingiĝanta per stilo kaj aranĝo samaltaj, vere ne valoras la penon, kiun donas al si la redaktoroj kaj la mondonantoj. Ankaŭ tie-ĉi valoras la principo de l' ŝparo de energio. Kunigante kelkajn ili, kies tendenco estas simila, ili ĉiuj nur gajnus je interna forto kaj ĉiuokaze ŝparus monon kaj tempon. La ideo, ke UEA faru aldonojn fakajn, ankoraŭ ne estas matura. Malhelpas ĝin la manko de rimedoj aŭ la nesufiĉo de la abonantoj de tiaj fakaj revuoj, bultenoj aŭ folietoj. Ekkonante la kaŭzojn de krizo oni devas neatendante longe, fari radikalan ŝanĝon. Tion faronte, nia movado nur gajnos je seriozeco; ok aŭ dek bonaj revuoj, plaĉe redaktitaj kaj presitaj, impresas pli ol aro da kelkpaĝaj gazetetoj nun svarmantaj en Esperantujo kaj fiere portantaj la nomon „gazeto", „revuo", „ĵurnalo" ktp.

La materia gajno estus konsiderinda. Unue povus vivi la gazetoj efektive rajtantaj tian titolon kaj due la esperantistoj ne tiom rapide laciĝus, vidante ke ne plu necesas elspezi tiom da mono por legi la samajn novaĵojn en tri aŭ kvar periodaĵoj.

*H. J.*

---

## Edinburgh.

**La Esperanto-kongresurbo de 1926.**

Unu el la plej vizitindaj lokoj en la mondo estas Edinburgo, la urbo, en kiu la esperantistaro kongresos en 1926.

Julio 31 ĝis aŭgusto 7. Bonvole notu la daton en via memorlibreto.

Edinburgo ne nur fieras pri sia pitoreska situacio, sed ĝi estas grava intelekta centro. Ĝi posedas antikvajn monumentojn, kiuj elvokas la admiron de ĉiuj mondvojaĝantoj; kiel la ĉefurbo de Skotlando ĝi en estintaj tempoj estis la hejmo de la skotaj reĝoj; ankaŭ ĝi estas la sidejo de la superaj tribunaloj de la lando; ĝia Universitato kun pli ol 4000 studentoj estas unu el la plej eminentaj en la mondo, ĝi allogas studentojn el ĉiuj landoj, kaj ĝia medicina lernejo estas tre fama. Krom tio ĝi estas grava komerca centro, kaj ĝian havenon Leith vizitas ŝipoj el ĉiuj partoj de la mondo.

Por multaj alilanduloj Edinburgo estas konata kiel la urbo de tiu glora majstro de romano, Sir Walter Scott. Ĉi tie li naskiĝis, ĉi tie li plenigis sian cerbon per la detaloj de historio kaj tradicio sur kiuj li bazis la verkojn, kies meritoj estas ŝatataj tra la tuta civilizita mondo; ĉi tie oni povas ankoraŭ vidi la domon, ĉe kies fenestro la najbaroj rimarkis horon post horo, tagon post tago, nokton post nokto, la persisteman nelacigeblan manon, kiu pelis magian plumon sur paĝo post paĝo de papero skribante la orajn vortojn, kiuj vekis en la spiritoj de la homoj la senton de la romantiko, kiu influis la tutan literaturon de Eŭropo; ĉi tie estas la ĉambrego, en kiu li, la ĝis tiam „granda nekonata", anoncis sin kiel aŭtoro de la Waverley-romanoj; ĉi tie estas la unika gotika monumento al li kiu trafas la okulojn de ĉiu eniranto al la urbo.



*Edinburgh: Perspektivo de Calton-monteto.*

En la mezo de la urbo staras la kastelo, antikva fortikaĵo sur alta roko. Ĝi estas la centro, ĉirkaŭ kiu la malnova urbo kreskis. La kastelo estis loĝejo de la reĝoj de Skotlando, ka inter la ĉambraro de la reĝa palaco oni montras la ĉambron de la kompatinda Mario, reĝino de Skotlando kaj Francujo, en kiu ŝi naskis en 1566 la princon Jakobo, kiu poste fariĝis Jakobo VI-a de Skotlando kaj en 1603 I-a de Anglujo. Tiu estis grava okazintaĵo en la historio de Britujo, ĉar ĝi estis komenco de la fino de la politika apartiĝo de la du landoj. Kvankam la du reĝlandoj unuiĝis sub unu reĝo en 1603, tamen Skotlando retenis apartan parlamenton ĝis 1707, kaj ankoraŭ havas apartan jursistemon. Interne de la kastelo oni vidas la malgrandan kapelon de S-ta Margaret en la Normanda stilo, kiu estas la plej malnova konstruaĵo en la urbo. Margaret estis reĝino de Skotlando, edzino de reĝo Malcolm Canmore (1057—93). Malcolm estis filo de tiu Duncan, kiun mortigis la Macbeth de la tragedio de Shakespeare.

De la kastelo vidiĝas miriga panoramo de la ĉirkaŭanta pejzaĝo kiu etendiĝas por multe da mejloj en ĉiu direkto. En la norda horizonto oni povas vidi la montarojn Grampian kaj Ochil kaj la graflandon Fife kun la urboj Burtinsland kaj Kirkcaldy ĉe la bordo de la Firth of Forth; al la oriento oni rigardas al la norda maro en la distanco kun la riĉaj kampoj de Haddington sur la interspaco, tie en la proksimo leviĝas Arthur Seat, la rimarkinda monto, kvazaŭ kuŝanta leono gardanta la urbon; en la sudo la montaroj Lammermoor, Moorfoot kaj Pentland faras imponantan horizonton; kaj okcidenten strečas la graflando Linlithgow en la direkto de Glasgow. Neniu povas vidi la ĉirkaŭantan urbon sen sento de surprizo kaj miro. La sceno sur la movplena Princes Street ĉiam vekas konstantan intereson, oni tuj rimarkas la kontraston inter la nova urbo kaj la malnova. La nova estas plena de rimarkindaj modernaj konstruaĵoj: hoteloj, magazenoj, preĝejoj, kolegioj; meze de la malnova etendiĝas de la kastelo al la antikva palaco Holyrood la fama „Reĝa Mejlo" — en kiu ĉiu stratangulo rakontas interesan historion pri pasintaj tempoj. La krono de la katedralo de St. Giles, kiu leviĝas

super la domoj, estas la eklezia centro de Skotlando kaj sanktejo de ĝia religia historio. Dekstre oni notas la kupolon de la Universitato (1583), maldekstre la turojn de la Assembly Hall, en kiu okazos la Esperanta Kongreso de 1926.

En ĉiuj direktoj do prezentas sin mirinda varieco de ĉarmaj bildoj de urbo kaj kampo kaj maro kaj monto kaj valo. Kun gvidlibro en mano la turisto povas pasigi multe da agrablaj horoj esplorante la lokojn, kie loĝis famaj reĝoj, ŝtatistoj, literaturistoj, poetoj, filozofoj; li povas viziti interesajn preĝejojn, muzeojn, bibliotekojn. Oni povas vagi sur vastaj verdaj parkoj kaj grimpi montojn. Calton Hill, Arthur Seat, Corstorphine Hill kaj la Pentland-montaro estas facile atingeblaj. Per elektra tramo oni povas en tridek minutoj trovi sin apud la maro, ĉe la dokoj de Leith aŭ sur la promenejo de Portobello; en dudek direktoj oni povas veturi per malkaraj publikaj aŭtomobiloj al arbaroj kaj kamparaj bienoj, al famaj lokoj kiel Melrose kaj Abbotsford, la regiono de Scott, al la Trossachs, la plej mirinda panoramo de historia monto kaj rivero kaj lago en Britujo, la regiono de „The Lady of the Lake" de Scott; al Swanston, la hejmo de la amata Robert Louis Stevenson; al la Forth Bridge, unu el la plej gloraj verkoj de inĝenierarto, al Linlothgow kun ĝia ruinita palaco, naskloko de Mario, reĝino de skotoj.



Edinburgh: La kongresejo.

Malmulte da urboj en la mondo prezentas tiom da ĉarmoj, kaj tiuj, kiuj vizitas ĝin por la kongreso povas certiĝi pri la gastameco por kiu la skotoj estas proverbe famaj.

Edinburgh estas rekte atingebla de la kontinento de kelkaj ŝiplinioj kiuj iras al ĝia haveno Leith. De la havenoj de Hull, Grimsby kaj Newcastle ĝi estas atingebla per fervojo en malmulte da horoj. La pli granda nombro da vojaĝantoj de la kontinento eble preferos iri laŭ la mallongaj marvojoj Hook—Harwich aŭ Calais—Dover, Ostend—Harwich Boulogne—Folkestone. Ĉi tiuj vojaĝantoj nepre devas aranĝi sian vojaĝplanon por viziti Londonon, Stratford-on-Avon, Oxford, Cambridge, Chester kaj aliajn famajn urbojn en Anglujo. Oni ankaŭ rekomendas viziton al Glasgow kaj la rivero Clyde, kaj por tiuj, kiuj disponas la tempon, Aberdeen kaj Inverness en Skotlando estas ankaŭ vizitindaj.

Skribu al la Town Clerk, City Chambers, Edinburgh, por senpaga ilustrita gvidlibro de Edinburgh (teksto en angla lingvo) 160 paĝoj kaj urbplano.

---

## KRONIKO.

### Aŭstrio.

*Klosterneuburg.* — Kurso funkcias, gvidata de F. Ebner

*Weidling.* — Subkolonelo Neumann komencigas kurson.

*Wien.* — Artikolojn pri Esperanto enpresis la gazetoj „Die Volkspolizei" (La popolpolico) de samideano Gaidosch pri la Aŭstria Esperanto-Kongreso kun sciigoj, ke en Wien, Linz, Wels, St. Pölten, Graz kaj Salzburg ekzistas policaj Esperanto-grupoj. „Neues Wiener Journal" (Nova Viena ĵurnalo) aperigis artikolon pri la unua Esperanto-kongreso de samideano prof. Simon. Kvar labor-klerigaj societoj enkondukis esperantajn kursojn. La biblioteko de „Tagblatt" (grava Viena gazeto) eldonis Esperanto-lernolibron de samideano D-ro Em. Pfeffer.

— Fondiĝis Esperanto-informservo de la Libera Esperantista Laborkomuno en Wien. Por doni al la Viena publiko informojn, la Libera Esperantista Laborkomuno instalis ĉiutagan esperantan informservon de la 18-a ĝis 20-a en la klubejo de la Esperanto-societo Danubio, Wien VII, Lerchenfelderstr. 23.

— „Esperanto-unuiĝo de urbaj oficĥavantoj" organizas dekkvin kursojn por komencantoj kaj du perfektigajn, kvar kursojn al personoj ekzamenotaj kaj regulan konversacian kurson.

### Britlando.

*Welwyn Garden City.* — Je la 3 kaj 4 oktobro okazis interesaj kunvenoj de britaj esperantistoj en Welwyn Garden City, la bela ĝardenurbo, kiu, fondita antaŭ kvin jaroj, jam komencas flori en la proksimo de London. Kvankam entreprenita kiel eksperimento, tiu ĉi „Somera Universitateto" sendube estas la unua el granda serio da similaj kunvenoj, ĉar ĝi montris, ke dum du tagoj kvindeko da samideanoj povas, per komuna studado kaj reciproke instruado, fari al si multe pli da bono, ol per deko da konferencoj aŭ kongresoj de la tradicia tipo.

La studantoj estis plejparte loĝantoj de la Londona regiono, sed ĉeestis ankaŭ pluraj samideanoj el malproksimaj partoj de la lando. Internacian elementon enportis S-ro Andreo Ĉe, sekretario de la Internacia Centra Komitato, kiu nun faras propagandan vojaĝon en Britlando.

Sabaton posttagmeze oni ĝuis prelegon de S-ro Ĉe pri la historio kaj organizo de nia movado, en kiu li klarigis la novan organizan sistemon kaj montris ĝiajn avantaĝojn. En la vespero prelegis S-ro Charles H. Edmonds, sekretario de la Konstanta Reprezentantaro, pri „La verko de Zamenhof en la servo de homa progreso". Limigante siajn parolojn je pure praktikaj konsideroj, li trafe montris, kiel ni povos apliki nian lingvon al la progresigo de la morala kaj intelekta fartoj de la homaro. Sekvis inteligenta kaj instrua diskuto.

Dimanĉon posttagmeze S-ro Ĉe denove prelegis. Sub la titolo: „Juveloj en nia esperanta literaturo" li parolis pri la nesufiĉe konataj verkoj de niaj poetoj Baghy kaj Kalocsay, ilustrante la prelegon per citado de elektitaj poemoj. Vespere okazis libera diskuto pri metodoj por instrui Esperanton. La tre profitdonan interkonsiladon, enkondukitan de S-ro Fred. E. Wadham, partoprenis ne nur la instruistoj, sed ankaŭ kelkaj ĉeestantaj lernantoj, kiuj kritikis la instrumetodojn laŭ la vidpunkto de la kursanoj. S-ro Ĉe priskribis la metodon per kiu li instruis Esperanton al nekleraj laboristoj en Transilvanio sen uzado de la nacia lingvo.

Krom la kunsidoj okazis matenaj ekskursoj en la ĉirkaŭaj arbaroj, vizitoj al la interesaj institucioj de la ĝardenurbo, kaj komunaj manĝoj. La tutan aferon karakterizis intima kaj helpema spirito, kaj la samideanoj en Welwyn Garden City meritas koran gratulon pro la sekvinda ekzemplo starigita.

## Franclando.

*Alais.* — S-ro Richard Ducros, Kavaliro de Honora Legio, posedanto kaj direktoro de metalfabrikoj en la regiono, starigis esperantan kurson al kiu partoprenas jam 30 lernantoj, oficistoj ĉe tiu firmo.

*Paris.* — La Internacia Kongreso de la Teknika Gazetaro esprimas la deziron:

1. ke la teknika gazetaro uzadu Esperanton almenaŭ por redakti resumojn kiuj devus postesti ĉiujn artikolojn kaj originalajn pritraktaĵojn en la gazetoj kaj revuoj de la tuta mondo;
2. ke la internaciaj kongresoj de la teknika gazetaro konsentu uzadi Esperanton kiel klaran lingvon, same kiel la naciaj lingvoj.

— La Internacia Kongreso de Spiritistoj, kunveninta en Paris de la 6-a ĝis la 13-a de septembro 1925,

1. opiniinte, ke pro la starigo en 1923 de l' Internacia Spiritista Federacio, ĝi nepre devas uzadi praktikan interkomprenigilon inter ĉiuj siaj membroj, al iu ajn nacia spiritista anaro ili apartenas;
2. opiniinte, ke la naciaj lingvoj ne sufiĉe helpas rilate al la modernaj bezonoj de la ĉiutagaj internaciaj interrilatoj, skribaj aŭ buŝaj, kaj precipe al la korespondadservo kiun zorgas la Sekretario de la Internacia Spiritista Federacio;
   a) insiste rekomendas al ĉiuj spiritistaj federacioj, societoj aŭ grupoj, konsili al siaj membroj, ke ili ellernu Esperanton kaj ke ili uzadu tiun helplingvon por pli rapide legi kaj pli facile diskonigi la raportojn kaj informojn de ĝenerala kaj internacia intereso pri la spiritista movado;
   b) petas al la Ekzekutiva Komitato de l' Federacio, ke ĝi konsideru tiun rekomendon laŭ la plej pozitiva vidpunkto.

*Saint-Omer.* — Ekspozicio sub aŭspicio de l' urbestraro de la Komerca Ĉambro, Geografia Societo kaj Radio-klubo (20. IX. 25).

*Strasbourg.* — Familia festo kun balo — 17 oktobro.

## Germanio.

*Bad Kreuznach.* — La 19-an de oktobro la ĉi tiea grupo kaj la Sud-okcidentgermana Esperanto-Ligo (S. O. L.) aranĝis esperantan infanfeston. Sub gvido de instruisto Schönrich partoprenis 50 infanoj el Wiesbaden kaj sub gvido de instruisto Schmidt 11 infanoj el Kreuznach. La infanoj portantaj flagojn marŝis tra la urbo, kio kaŭzis bonan impreson.

*Heilbronn a. N.* — G. E. A., loka grupo. De 27 septembro ĝis la 3 oktobro 1925 propaganda semajno. Oni algluis afiŝojn, disdonis propagandajn flugfolietojn kaj aperigis artikoletojn en la loka gazetaro. S-ro Bachmann publike parolis. La krono de la propaganda semajno estis granda publika parolado de konata kaj fervora samideano D-ro Vogt el Stuttgart antaŭ tre multenombra ĉeestantaro. La gazetaro tre favore recenzis. La sukceso estas granda. 3 novaj kursoj komenciĝis kun preskaŭ 100 partoprenantoj. Gvidantoj S-roj Bachmann kaj Kimmerle.

*Pirna a. E.* — Junulara grupo kun 30 membroj estas fondita. Estro S-ro A. Trenkmann. Nova oficiala kurso en la porprofesia lernejo. Instruas S-ro G. Schmidt, instruisto.

## Hispanio.

*Barcelona.* — Estas jam duone presita la „Kataluna Antologio", aperonta proksimume je la fino de oktobro. Tiu ĉi granda verko enhavos elektitajn pecojn de katalunaj poetoj kaj prozistoj, antikvaj kaj modernaj. Ĝi estas presata sur linpapero (la tuta eldono estas „bibliofila") kaj okupos pli ol 400 paĝojn kun formato 22 × 16 cm. La versaj kaj prozaj tradukoj estas faritaj de lertaj katalunaj esperantistoj sub la gvido de Jaume Grau Casas, kompilinto de la „Antologio". Ĝia stilo estos plene fundamenta. Krom la tradukitaj literaturaĵoj estos en la libro noto bio-bibliografia pri ĉiu aŭtoro, kelkaj popolkantoj verse tradukitaj kun la melodioj, kaj studo pri la katalunaj lingvo kaj literaturo. En tiu ĉi studo estas speciale pritraktataj la verkoj de la famaj mezepokaj trobadoroj, ĉu provencaj, ĉu katalunaj. Estas ankaŭ rimarkindaj kelkaj komparoj de la kataluna lingvo kun la hispana, la franca kaj la itala. La „Kataluna Antologio" kostos, afrankite, por ĉiuj landoj, escepte tiujn de la Iberia duoninsulo: du dolarojn, dekunu svisajn frankojn, naŭ ŝilingojn. En la Iberia duoninsulo ĝi kostos 13 pesetojn. Ĉiu ekzemplero (kiu estos solide bindita kaj pezos unu kilogramon) estos sendata en rekomendita pakaĵo. Petu informojn de „Komitato por Kataluna Antologio": S-ro Eduard Capdevila, kasisto, str. Carders 29, Barcelona.

*Cadiz.* — Komencis kurso gvidata de S-roj Bernardino Romero kaj Manuel Santiago. Ĉeestas 30 lernantoj.

*Madrid.* — Artikolo en la revuo „La Escuela Moderna" (Moderna Lernejo) pri enkonduko de Esperanto en la lernejoj, „El Magisterio Español" (La Hispana Instruistaro) pritraktas Someran Universitaton de Ĝenevo kaj ĝi aperigis „Anuario de la Escuela" (Lernejan Jarlibron), kiu pritraktas „Esperanton en la lernejoj" kaj simplan kompletan gramatikon pri la lingvo; „La Revista Técnica de la Guavelia Civil" (Teknika Gazeto de la Ĝendarmaro) raportis pri la XVII-a kongreso. „El Socialista" regule aperigas artikolojn pri Esperanto. La revuo „Ibérica" scienca de Barcelono raportas tre detale pri la XVII-a kongreso. La raporton verkis S-ro Inglada, kiu sendis al la Registaro vastan raporton pri nia XVII-a kun la traduko de la prelegoj de la Somera Universitato.

La Kongreso de Vegetaranoj (Naturistoj) en Bilbao unuanime voĉdonis rekomendi lernadon de Esperanto al naturistoj kaj klarigi kursojn de Esperanto ĉe la naturistaj grupoj. Samtempe en la sama urbo la XI-a Kongreso de la Nacia Federacio de Metallaboristoj aprobis:

I. Rekomendi studon de Esperanto al sindikatoj kaj starigi esperantajn grupojn;
II. Nepra kondiĉo por la direktantoj formantaj la komitaton de la Federacio lerni Esperanton, kaj sendi al internaciaj kongresoj laboristaj tiujn, kiuj scias la internacian lingvon kaj tiel kompleti la „Laboristoj el ĉiuj landoj, unuiĝu!" per „Laboristoj el ĉiuj landoj komprenu unu la alian".

## Italio.

*Bari.* — Grava estis la sukceso de la X-a Itala Kongreso de Esperanto okazinta en Bari de 13—15 septembro. Multaj aliĝoj kaj multaj ĉeestantoj, inter kiuj ministroj, senatanoj, deputatoj kaj delegitoj de komercaj, turistaj kaj sciencaj institucioj. Rilatis D-ro Koch el Trieste pri organizado kaj propagando, prof. Grazzini el Firenze pri instruado, S-ro Ramollo el Torino pri movado inter la fervojistoj kaj prof. Pizzi el Venezia pri Esperanto inter la katolikaro. Direktoro de Itala Katedro oni elektis S-ron prof. Grazzini el Firenze, kaj prezidanto de Itala Federacio generalon De Montezemolo el Pisa.

## Nederlando.

*s'Gravenhage.* — Lumbildparolado de S-ro Ravestein pri Esperanto kaj UEA, 14 septembro. Laborista klubo samtage publika kunveno.

## Nov-Zelando.

Oni penadas revivigi la estintan asocion. Antaŭ io povas esti farata, necesas, ke plena adresaro estu preparita. Estas fakto, ke troviĝas samideanoj ĉie en Nov-Zelando, sed la unua

tasko estas trovi ilin. Per tiu ĉi gazeto estas alvokata ĉiu Nov-Zelanda esperantisto, ke li tuj sendu sian adreson kaj de konatuloj al la intertempa sekretario: *S-ro Wm. H. King, Postal Division, Secretary's Office, G. P. O. Wellington, Nov-Zelando;* al alilandaj esperantistoj, ke ili konigu adresojn de korespondantoj en Nov-Zelando.

## Pollando.

*Lwów.* — En la Laborista Esperanto-Societo gvidas S-ro Stanislavo Zausmer novan kurson kun 60 partopren. Fondiĝis supera kurso. Prelegas historion S-ro B. Maiblum, literaturon kaj lingvosciencon S-ro St. Zausmer, pri la stato de la Esperanto-Movado kaj ĝia signifo parolos S-ro Dvorak.

afiŝon pri rubando por infanoj, sukcesis la vorton „Forta" kaj sur centoj da afiŝkolonoj estis videbla infankapo kun ruĝa rubando kaj verdlitera teksto „Forta". En faka revuo „Der Kaufmann" anonco pri librotenado „Ordo".

---

# Radio.

**Disaŭdigo okaze de Zamenhofa festo.**

*Stuttgart.* — Sabato, 5 dec. (kvina) okazos Zamenhofa festo de la grupo „Verda Stelo". Disaŭdigata je 20-a horo, MET, ondlongo **443 m.** Ĉiuj aŭskultantoj bonvolu sendi poŝtkarton pri la aŭdo-




**Poŝtmarkoj kun esperanta teksto.**
La Rusa Poŝtadministracio eldonis poŝtmarkojn honore al eltrovinto de l' Radio Popov' kun teksto: *Inventisto de Radio — Popov.*

## Portugalo.

Restariĝis nacia societo: Portugala Esperanto-Asocio. La estraro konsistas el: prezidanto Luzo Bemaldo, vic-prezidanto Saldanho Garreira, unua sekretario Adolfo Nunes, dua sekretario Antonio da Costa, kasisto Alberto Godinho, voĉdonantino S-ino Adelaide de Carvalho, voĉdonantino S-ino Etelvina Silva. Ĝia provizora adreso estas: Rua da Graça N-ro 31, Lisboa, Portugal. Eldonejoj bonvolu sendi katalogojn.

## Suda Ameriko.

*Montevideo.* — Je la 1—3 januaro 1926 okazos Sudamerika Esperanto-Kongreso, ĉe kiu partoprenos argentinaj, brazilaj, ĉilaj kaj paragvajanaj esperantistoj. Funkcias 3 kursoj

## Svislando.

Konata estas al multaj legantoj la horloĝa marko „Movado" de svisa deveno. S-ro Hubert Saget en Basel, desegninte reklam-

rezulto al la „Sudgermana Radio-Stacio, Stuttgart, Germanio" (Süddeutscher Rundfunk).

Esperanto-kurso gvidata de D-ro Vogt komencis 12 oktobro, ĉiulunde, ondo 443.

*Oslo.*

Unuafoje parolis S-ro ĉefleŭtenanto Bugge-Paulsen, 26 septembro 1925, ondlongo 382 m, 19,30 h.

*Wien.*

Esperanto-Radio-kurso de la Viena sendstacio „Radio-Wien", ondo 530, okazas ĉiun lundon kaj ĵaŭdon je la 19 kaj 10 min., MET. Gvidanto S-ro Walter Smital, prezidanto de la Esperanto-delegitaro de Wien.

*Madrid.*

Dufoje semajne de stacio „Union-Radio" (EAJT) ondolongo 373 m, pastro Mojado disaŭdigas. Gazeto de stacio „Ondas" ĉiusemajne du lecionojn pri Esperanto.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 100; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 5, 12,50, 25; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagulaŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [oravaloro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, Nó. 79 236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Administra jaro 1926.** — Ni informas niajn delegitojn kaj membrojn ke la administra jaro 1926 komencis je la 1 novembro 1925. Al la delegitoj ni sendis inter la 10—15-a novembro la oficialan bultenon N-ro 15 kun la necesaj informoj pri la agado en la nova jaro. La delegitoj ne ricevintaj tiun sendaĵon bonvolas informi nin tiel ke ni povu denove sendi la dokumentojn.

**Jarlibro 1926.** — Ni atentigas, ke korektoj, aldonoj, novaj tekstoj por la jarlibro 1926 devas atingi la Centran Oficejon ĝis 15 decembro 1925. Ekstereŭropanoj volu ne prokrasti tujan sendon de tiaj informoj post ricevo de la Oficiala Bulteno aŭ de la nuna gazeto.

**Anoncoj.** — Lasta tago de akcepto por anoncoj en la jarlibro estas 15 januaro 1926. La kosto de tuta paĝo estas fiksita je 80 Frk. sv., duonpaĝo 40 Frk. sv. kvaronpaĝo 20 Frk. sv. svisaj. Estas neakceptataj, anoncoj pri sekretaj drogoj kaj certaj libroj; la Direktoro laŭokaze rajtas rifuzi anoncon kun duba karaktero.

**Kotizoj 1926.** — La novajn prezojn vidu supren. Restas la oficiala kotizo de 5.— Fr., 12.50 Fr., 25.— Fr. svisa valoro por Membro Membro-Abonanto kaj subtenanto. La kotizo por 1926 jam nun estas repagebla; novaj aliĝantoj jam ricevas la gazeton „Esperanto“ de la novembro numero, sen plia pago.

**Korespondado.** — Pro malsaniĝo de la Direktoro la korespondado prokrastiĝas, niaj bonvolaj korespondantoj paciencigu.

**Delegitoj. — Ŝanĝoj:**

**Ashton-under-Lyne,** Britlando. Lanc. D. S-ro Harry Hall Daley komizo, 190 Mossley Road

**Auckland,** Nov Zelando. D. S-ro Cyril John Adeoch, instruisto, Je Uku.

**Bahia,** Brasil, S. Salvador. D. S-ro Luis Soares Rosado, fin. publika oficisto, São Raymundo 60

**Bahia Blanca,** Arg., Buenos Aires. D. S-ro Vicente Orlando, oficisto, Darraguera 259
VD. S-ro Luis Gastanaga, oficisto, Calle Terrada 577

**Berlinchen,** Germanio, Neumark. D. S-ro Max Luedtke, instruisto, Richtstraße 47, I

**Brno,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Franz Podloučka, ŝtata oficisto, Hohlweg 32

**Eastbourne,** Britlando, Sussex. D. S-ro Valentine Vincent Sumfield, presisto, Victoria Drive 85

**Edinburgh,** Skotlando. D. David Ritchie Tullo, advokato, 34 St. Andrew Square
VD. William Rae, kasisto, Angle park Terrace

**Fürth,** Germanio, Bavario. D. S-ro Josef Mengele, inĝeniero, Wallensteinstraße 27

**Glasgow,** Skotlando, Lanark. D. S-ro James Barr Horne, komercisto, 235 Ouslow Drive, Dennistown

**Helsinki,** Finnlando. D. S-ro Leo Jalava, gazeta administranto, Culunkylä
VD. S-ro Arvo Joh. Ahti, prokuristo, Vladimirinkatu 18 B

**Hilversum,** Nederlando. D. S-ro J. F. E. von Römer, fervoja oficisto, Jonkerweg 25

**Innsbruck,** Aŭstrio. D. S-ro Heinz Bederlunger, bankisto, Herzog Friedrichstr. 17
VD. S-ro Roland Hühbacher, bankisto, Bildgasse 10

**Kemi,** Finnlando. D. S-ro Ali Korpelainen, komercisto, Isopuistok 123

**Las Palmas,** Hispanio, Gran Canaria. D. S-ro Felipe Suarez-Falcon, komercoficisto, Str. Juan de Quezada 1
VD. S-ro Bruno Alvarado Doreste, komercoficisto, Str. San Marcos

**Limoges,** Franclando, Haute Vienne. D. S-ro Louis Lamant, Direktoro de Kooperativa banko, 25 Cit2 Victor Nadaud
VD. S-ro Léonard Grenier, urba oficisto, 3 Avenue Beausoleil

**Meaux,** Franclando, Seine et Marne. D. S-ro Maurice Faberl, instruisto 4 Rue Arbalète

**Mittweida,** Germanio, Sa. D. S-ro Rudolf Hildebrand, instruisto, Clemens Fritschestraße, Altmittweida
VD. S-ro Oskar Fischer, instruisto, 42 b, Altmittweida

**Montevideo,** Urugvajo, D. S-ro Pedro Casas, komercisto, Str. Colon 1504
VD. S-ro Andrès di Landro, komerc-komizo, Calle Paysandú 871

**Oradea Mare,** Rumanio, Trans. D. S-ro Izsó Kelemen, profesoro, Str. Wilson 13

**Pedralva,** Hispanio, Valencia. D. S-ro Daniel Llorens Sastre, kuracisto, Calle Acequia 16

**Pelotas,** Brazilo, Rio Grande do Sul. D. S-ro Dr. Bruno de Mendonça Lima, advokato, Cassianos 201

**Perigueux,** Franclando, Dordogne. D. S-ro Pierre Moniotte, kalkulisto ĉe Gasuzino, 20 Rue de Turenne

**Perth,** Australio, Western. D. S-ro Christopher Caine, tajloro, 4 Norbert Str. East Perth

**Poprád-Velka,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Gustav Eichmüller, komercisto, Tatranska 22

**Rive de Gier,** Franclando, Loire. D. S-ro Theodore Jacod, distilisto, 6 Rue César Bertholon

**Rugby,** Britlando, Warwickh. D. S-ro John Grant, c|o Manning, Green View, Old Bilton apud Rugby

**Semarang,** Ned. Indio, Java, D. S-ro Tjong Hie Liem, Wotgandoel dalem 23

**Sheffield,** Britlando, Yorkshire. D S-ro John C. Auty, prokuristo, 14 Sr. James Str.
VD. S-ro Ernest Frank Rodger, komizo, 149 Ecclesall Rd.

**St. Etienne,** Franclando, Loire. D. S-ro Eugène Gabert, kasisto, rue Claude Delaroa 29
VD. S-ro Lucien Thévenin, oficisto, Rue de Tuileries 1

**St. Ouen,** Franclando, Seine. D. S-ro Arsène Perrin, komerca reprezentanto, 12 Rue Claude Guinot

**Ulm a. D.,** Germanio, Württemb. D. S-ro Josef Engst, asekura oficisto, Ensingerstr. 27, II

**Verdun,** Franclando. Meuse. D. S-ro Maurice Lefebvre, desegnisto, Villa Chanonin Barthelemy.

**Weissig b. Freital,** Germanio, Sa. D. S-ro Paul Fiedler, ministo, Bergmanns-Siedlung 4

**Woodhaven,** Usono, N. Y. D. S-ro Nathan Sadagursky, komercisto, 9439 7-th Avenue

**Zürich,** Svislando. D. S-ro Ernst Wynisdorf, komercisto, Kinkelstr. 44, VI
VD. S-ro Sam Moser, fotografisto, Rigistr. 8, VI

**En la jenaj lokoj provizore ne plu estas delegitoj:**

Bielefeld, Germanio; Courbevoie, Franclando; Crewe, Britlando, Chesh: Debreczen, Hungario; Diepenveen, Nederlando: Dramburg, Germanio, Pr.; Ermont, Franclando, S. et Oise; Jaslo, Pollando: Josefov, Ĉeĥoslovakio; Kaarepere, Estonio; Koetaradja, Sumatra; Lecce, Italio; Le Mans, Franclando; Německý Brod, Ĉeĥoslovakio, Bohemio; New York City, Usono; Polaun, Ĉeĥoslovakio; Ponts de Cé, Franclando, Maine et Loire; Recht, Persio, Gilan; Rey, Orienta Kubo; Rübenach b. Koblenz, Germanio; Schleusingen, Germanio; Teichstatt, Ĉeĥoslovakio: Wegstädtl, Ĉeĥoslovakio; Yverdon, Vaud. —

Genève, 20 Oktobro 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA

---

**Kun la nuna numero estas sendata N-ro 6 de la „Scienca Bulteno“.**

---

## Svisa Esperanta Societo.

### Oficiala raporto.

La ĝenerala kunveno de S. E. S. okazis dimanĉon 11 oktobro en Hôtel Bielerhof, Biel. 20 rajtigitaj delegitoj reprezentis 14 grupojn kaj ĉeestis la kunsidon 60 aliaj membroj.

El la 24 svisaj grupoj estis pagita la kotizo por 365 anoj. Multaj ne aliĝintaj esperantistoj estas disigitaj en la diversaj kantonoj kaj estus tre dezirinde, ke ili per aniĝo al plej proksima grupo fariĝu membroj de nia societo.

La protokolo, la prezidanta raporto kaj la kasraporto estis danke akceptitaj.

S-ro Hans Jakob, Direktoro de UEA, prezentis financan raporton de la kongreso kaj neniam kasraporto estis aŭskultita kun tiom da atento. La delegitoj speciale dankis kaj gratulis S-ron Jakob pro la tre kontentiga raporto kies detaloj troviĝas en la oktobra numero de „Esperanto."

Per sekreta voĉdono estis elektita unuanime D-ro Privat kiel prezidanto de S. E. S. kaj Genève kiel ĉefgrupo.

Unuanime, la kunveno elektis Zürich kiel proksiman kunvenlokon, akceptanta tiamaniere kun danko la afablan inviton de la tiea grupo.

La kotizoj restas fr. 1.— po grupano; fr. 4.— po izolulo.

Estis starigita komisiono por studi la demandon pri internaciaj membroj. Komisionanoj estas S-roj Jakob kaj Bouvier, F-ino Diekmann.

En Bern kaj Genève kursoj de la poŝt-, telegraf- kaj telefonoficistoj estas subvenciitaj de la ĝenerala poŝtdirekcio. Kursgvidantoj ĉiam petu tiun subvencion starigitan en la poŝta regularo.

En la supera lernejo de St. Gallen kaj la komerca lernejo en Le Locle Esperanto estas instruita.

75 esperantistoj partoprenis komunan tagmanĝon, kiu estis humore prezidita de prof. Müller el Zürich. Paroladis S-roj Privat kaj Kreuz.

Posttagmeze la grupprezidantoj kunsidis sub la prezido de S-ro Kreuz por pristudi propagandprogramon.

La aliaj vizitis la ĉirkaŭaĵojn de la ĉarma urbeto Biel ĝis kiam sonoris por ĉiuj la horo de disiĝo. *A. D.*, sekr.

* * *

### Raporto de l' Ekzamena Komitato.

Sabaton 10-an de oktobro okazis la 13-a ekzamenkunsido de S. E. S. en Neuchâtel. La juĝantaro konsistis el S-roj Jean Wenger, Jakob Schmid kaj Georges Stroele; S-ro Paul Humberset, ankaŭ E. K.-ano bonvolis verki la tradukotan tekston. Tri kandidatoj deziris akiri la Superan Diplomon de kapableco por la instruado kaj unu la Ateston pri lernado. Unu el la tri malsukcesis sed meritis la Ateston. Estis do disdonitaj:

Supera diplomo al F-ino Elsa Haefelinger el La Chaux-de-Fonds
„ „ „ S-ro Charles Mattern el Le Locle
Atesto pri lernado al F-ino Marguerite Jacot el St. Imier
„ „ „ „ S-ro Rodolphe Horner el Genève.

Neuchâtel, 10-an de oktobro 1925.

La prezidanto de E. K.: *G. Stroele.*

## TRA LA FAKOJ.

### Juristoj.

La kunsido de la Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj, okazinta en Genève dum la XVII-a Kongreso de Esperanto, alprenis la jenajn decidojn:

1. En la regularo de la I. S. E. J., sub art. V, oni forigis la frazon: „La Prezidanto kaj la Ĝenerala Sekretario ne estas tuj reelekteblaj". Oni ankaŭ ŝanĝis en la regularo la nomon „vicprezidanto" je „Delegito";

2. La kotizaĵo por la jaro 1926 estis fiksita je 5 svisaj frankoj, kun permeso al la delegitoj de malbonvalutaj landoj malaltigi ĝin;

3. Kiel ĝenerala informilo estas elektita „Heroldo de Esperanto";

4. Estis elektitaj la jenaj delegitoj:
Anglujo: Ralph Eliott, 24, Lockyerstr., Plymouth
Bulgarujo: Ivan Delieff, Loveč
Francujo: René Chapron, 32, rue des Champs, Le Mans
Germanujo: Dro Siegfried Liebeck, Spittelmarkt 2, Berlin C 19
Hispanujo: Andres Pino, 24, Calle de Colon, Valencia
Hungarujo: Dro Balla Ignác, Kilálystr. 14, Pecs
Polujo: Jozef Litauer, Marszalkowska 81, Warszawa
Skotlando: David R. Tullo, 34, St. Andrew Square, Edinburgh

5. La jena Administra Komitato:
Prezidanto: Alfred Michaux, adv. Boulogne s. M. Francujo
Ĝeneralaj Sekretarioj: Siegfried Liebeck, Berlin C 19, Spittelmarkt 2, German.
Jozef Litauer, Warszawa, Marszalkowska 81, Polujo

Ĉiuj esperantistoj-juristoj tuj aliĝu al I. S. E. J. pere de sia nacia delegito aŭ se ne estas direkte al unu el giaj Ĝen. Sekretarioj, sendante kiel kotizon por 1926 5 svisajn frankojn aŭ ĝian valoron

En Septembro 1925.

Ĝenerala Sekretario:
Jozef Litauer, advokato
Warszawa, Marszalkowska 81

* * *

### Bankoficistoj.

S-ro Georg Steiner, Apatur utca 8, Györ, Hungario, petas ke bankoficistoj kiuj deziras partopreni la fakan organizaĵon, sin anoncu ĉe S-ro Karl Fischer, Güntzelstraße 31, Berlin-Wilmersdorf.

## Esperanto en la praktiko.

### Turismo.

Kun la evoluo de nia Esperanta movado la neceso, uzi la servojn de la delegitoj de UEA por ĉiuspeca propagando, konstante kreskas. Ĉi tiu fakto estas ĝojiga kaj dokumentas la grandan fidon prave montritan al la reprezentantoj de UEA. La plejmulto de ili bone konscias, ke zorgega plenumo de demandoj, eĉ plej negravaj, alkondukos novajn adeptojn al UEA aŭ almenaŭ al Esperantismo.

Laŭ peto de la Bern-a Alpfervojo Bern-Lötschberg-Simplon mi forsendis, en 1923, al nur 450 delegitoj, ĝian belegan propagandilon Esperantigitan. Kvankam multaj delegitoj ne komprenis la gravecon, la direkcio estis kontenta pri la eksperimento kaj aliĝis al UEA kiel Esperantia Entrepreno.

Mi multe ĝojas, esprimi sinceran dankon de la fervoja direkcio al ĉiu delegito, kiu fervore subtenis la propagandon, kaj publikigi ĝian leteron senditan al mi:

Bern, la 27an de Februaro 1925.

Societo de la Bern-a Alpfervojo
Bern—Lötschberg —Simplon.

Sinjoro Jules Perlet, Bern.

Ni volonte plenumas deziron ĝiatempe esprimitan kaj informas vin, ke eldoninte nian propagandilon esperantlingve, ni faris tre bonajn spertojn. El ĉiu parto de l' mondo montriĝis tre vigla intereso por nia entrepreno kaj certe ankaŭ por la nova presaĵo, kiu ja utilis al amikoj de Esperanto kiel mondhelplingvo kaj al niaj interesoj. Ĉe la karaktero kaj specialeco de la turisma propagando oni ne povas konstati, ĉu la eldono de Esperanto-propagandilo alkondukis al nia entrepeno pli grandan nombron da vojaĝantoj, kio estas la unua celo de ĉi tiu reklamo, sed kun granda kontento ni povas konstati, ke per ĝi nomo kaj loko de nia entrepreno kaj de la Bern-a Oberland (kiel vojaĝ- kaj ripozregiono) multe diskonatiĝis kaj la eksperimento, ankoraŭ per si mem senĉese varbanta, ne povas esti vana.

La presaĵo, ĝenerale konsiderata belaspekta, estas priparolita en la gazetaro en- kaj eksterlanda, ne nur en tiu de la Esperantaj organizaĵoj, sed ankaŭ en gazetoj nacilingvaj.

Ni tre dankas vin kaj vian organizon pro la valora kunlaborado plenumita por ni kaj plezure konstatas, ke viaj valoraj klopodoj en la propagando de la bonega mondlingvo Esperanto ĉiam tuŝis nin simpatie. Ni do ne hezitas, deziri al viaj pluaj klopodoj feliĉon kaj sukceson.

Respektplene
Bern-a Alpfervojo Bern-Lötschberg-Simplon.
La propagandejestro: (subskr.:) Akert.

En Aŭgusto la Publikiga Servo de la Svisa Fervojo Federala, eldoninte belegan turistan karton kun esperanta teksto kaj ilustraĵoj pri Svislando, kiu estos sendata al la delegitoj de UEA venontajn tagojn, sekvis la eksperimenton de la Bern-a Alpfervojo Bern-Lötschberg-Simplon. Malgraŭ siaj filioj en London, New York, Paris, Berlin, Wien kaj Cairo, kiuj tie reprezentas la fervojan administracion, per ĉi tiu eldono ĝi unuavice celas alkonduki al siaj linioj pli grandnombran vojaĝantaron. Por atingi tiun celon, kies sukceso ne estos laŭcifere pruvebla, ĝi decidis utiligi la servojn de UEA por eksterlanda propagando

La decido de la Publikiga Servo de nia ŝtatfervojo, kiu plej atente observas la klopodojn kaj sukcesojn de Esperanto, estas gravega por ni, ĉar la efiko el ĉi tiu propaganda eksperimento influos la opinion de la Svisa Fervojo Federala pri mondhelplingvo.

Estas evidente, ke per eldono de turista karto kun teksto Esperantigita la fervoja administracio utilas al la interesoj de nia movado; pro tio ĝi povas postuli efikan subtenon de la Esperantistaro.

Mi do petas ĉiun fervoran Esperantiston kaj delegiton de UEA, ke li bonvolu tre vigle konatigi ĉi tiun propagandilon en la gazetaro.

Pri la korespondaĵoj kaj gazeteltranĉaĵoj alvenintaj la Publikiga Servo de la Svisa Fervojo Federala prezentos raporton al sia ĝenerala direkcio, el kio montriĝos, ĉu la servoj de la delegitoj de UEA taŭgas por eksterlanda varbado. Ĉiu delegito povas nun pruvi tion ĉi.

La fervoja administracio plenumos ĉiun peton pri alsendo de pliaj ekzempleroj de la turista karto.

La instruistoj, kies adresojn ni speciale konsideris, ni invitas uzi la karton por instruado.

La korespondaĵojn oni sendu al la Esperanto-Propagandejo por Svislando, s-ro Jules Perlet, poŝtkesto transito 560, Bern.

*Jules Perlet.*

## Bankfaka enketo.

La subskribinto urĝe petas informojn pri la jeno:

Kiel konate grandaj bankoj kaj privataj bankejoj eldonas por vojaĝantoj kreditleterojn, pri kiuj la pagontoj ne ricevas specialajn avizojn (Circular Letters of Credit). — La pagejoj antaŭe estas provizataj je kontroldokumentoj.

Kion la bankoj de via lando faras:

1. por malhelpi fraŭdon post enmanigo de kreditletero al kliento?
2. por malhelpi pagojn, kiam kliento anoncis forŝtelon aŭ perdon de sia kreditletero?
3. por eviti, ke *ĉiu* pagejo devas esti avizata pri la ŝtelo aŭ perdo?

Ĉu la bankoj de via lando, antaŭ enmanigo de kreditletero al kliento, postulas subskribon sur papero, kiu enhavas klaŭzojn pri la devoj aŭ rajtoj de la bankoj kaj tiaj de la kliento? Kiajn klaŭzojn oni aplikas?

Oni bonvolu direkti la petitajn informojn al: Karl Fischer, Güntzelstrasse 31, Berlin-Wilmersdorf, Germanujo.

(Naciaj gazetoj bonvolu represi la enketon.)

# Esperantista Parolejo.

**Antaŭkongreso en Bremen.** — Kotizojn al tiu ĉi kongreso oni sendu al S-ro Hans Keller, Gösselstr. 77, Bremen.

**Devoj de la homo.** — La *Laborista Esperanto-Grupo de Genova* (Italio), por ŝpari monon, ope respondas tie ĉi al ĉiuj kiuj tamen ne sendinte monoferon petis la libreton „Devoj de la homo" de l' granda pensulo Giuseppe Mazzini. La monsumo, malavare donacita por la eldonado kaj dissendado de la 10.000 ekz., pro neantaŭvidita altigo de poŝtafranko elĉerpiĝis dum senpaga dissendado de ĉirkaŭ 8.000 ekz.; do la L. E. G. por ne malstarigi sian bilancon dissendos la restantajn 2000 ekz. *nur* al samideanoj aŭ Esperanto-societoj kiuj ilin petante sendos po almenaŭ unuliran monoferon. Tiuj kiuj ankoraŭ ne ĝin legis, ne atendu elĉerpiĝon. Adresu monoferojn tuj al S-ro Ettore Managlia, sekretario-kasisto de la Laborista Esperanto-Grupo, en Casella Postale 922, Genova (Italio).

**Kiu vojaĝos Japanlandon?** — Por tiu afero alvenis 31 proponoj, al kies sendintoj ni kore dankas tie ĉi. Bedaŭrinde la projekto ne ankoraŭ efektiviĝis kaj ni devas rezervi al ni, reveni al ĝi pli malfrue. Ni ne respondos aparte al ĉiuj sendintoj sed, resendos akurate eventuale senditajn originalatestojn kaj aliajn paperojn.

* * *

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *Arthur Witham*, ano de UEA el Burnley, sincere dankas la delegitojn lin helpintaj dum vojaĝo al Ruslando, plie al F-ino Wolfson kaj S-ro Habellok el Breslau pro afabla akcepto.

∴ S-ino *Robert Adan*, Gand, anino de UEA, dankas al jenaj delegitoj: S-roj Louis Rodriguez Escartin, Juan Carresco Cuenca, Vicente Alonso Sauz en Madrid, Franciso Azorin, Joseph Berger en Cordoba kaj Ges-roj Luis Gampos en Badajoz pro plej afabla helpado dum ŝia vojaĝo en Hispanujo okaze de la kongreso en Cordoba.

∴ S-ro *M. Wahnschafft*, Del. en Ansbach, Bavar., kore dankas al S-ro J. S. Clough, Del. en Folkestone, por afable donita utila konsilo kaj por afablaĵoj faritaj dum restado.

∴ S-ro *Alfons Pechan*, ano de UEA, el Budapest kore dankas al la Del. S-ro Halbedel en Graz, S-ro Vogel en Salzburg, S-ro Hammer en Zürich kaj S-ro Puntigam en Leoben pro helpo dum vojaĝo.

∴ F-ino *Marie Moudrá* el Praha elkore dankas al S-ro Direktoro Hans Jakob en Genève pro la granda servo kaj helpo farita al ŝi dum ŝia veturo en Svislando, precipe en Genève.

∴ S-ro *P. J. Veermats*, Del. en Rotterdam kore dankas S-ron Frank J. Kovarik, Del., por kora akcepto kaj frata helpo dum restado en Chicago.

∴ S-ro *J. Ŝapiro*, Del. de UEA en Bialystok tutkore dankas al S-ro J. Litauer, Del. en Varsovio pro rapide liverita urĝa informo, al S-ro O. Ginz, vic-del. en Praha pro preciza skriba informo, persona gvidado kaj helpo dum vizito en Praha. Plue li sincere dankas al la oficistinoj de C. O. de UEA pro la komplezema kaj pacienca montrado de ĉiuj detaloj en la mirinde bonorde organizita Centra oficejo de UEA.

∴ S-ro *Hans Steinhauer*, Trautenau, ĈSR esprimas sian plej koran dankon al S-ino Kohl (Lausanne), S-roj Wynistorf (Zürich), Kunze (Thun), D-ro Spielmann kaj Bolliger (Bern), kiuj tre afable helpis lin okaze de sia alkongresa vojaĝo.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj Josef *Ittner* en Neudorf-Herrlich (Ĉeĉosl.) naskiĝis filo Edmond.

— Al Ge-sroj *Ary Zamora*, Del. en Porto-Alegre (Brazilo), naskiĝis filino Clecy.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Richard Levin*, Esperanto-Fakestro ĉe la Foiro de Lyon, fianĉiĝis kun F-ino *Jeanne Deygas*, membrino de Stela Klubo Esperantista kaj Literatura.

**Edziĝoj.** — S-ro *Franz Holeschinsky*, ano de UEA en Mährisch-Neustadt kun F-ino *Pepi Köhler*.

— S-ro *Léon Courtinat*, Ĉefdel. de UEA kaj Ĝenerala Sekretario de ILEPTO kun F-ino *Devaud*.

— S-ro *Fidel Nigg*, Del. de UEA en Gersau, Svis., kun F-ino *Anna Camenzind*, anino de UEA.

## Faciligo de la internacia komerco.

La ekonomia sekcio de la Foirooficejo serĉas rilatojn kun seriozuloj en *Oriento kaj Ekstrem-Oriento* por helpo ĉe perado de komercrilatoj, informoj, varbado, dogandemandoj ktp. Proponojn en Esperanto sendu al: Messamt (Wirtschaftsabteilung), Frankfurt a. M., Germanlando.

# Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

12 Bd. du Théâtre, Genève.

**Rondvojaĝo de S-ro Andreo Ĉe, sekr. de C. K., en Britlando.**

Laŭ afabla invito de Brita Esperantista Asocio S-ro Ĉe daŭrigis la printempan propagandon per vojaĝo tra Anglujo. Kun plezuro ni ĉerpas el liaj raportoj la faktoн pri viva intereso kaj laboremo de niaj anglaj amikoj kaj la serioza konsiderado de Esperanto en multaj ne-esperantistaj rondoj.

S-ro Ĉe komencis siajn paroladojn en London. La 22. 9. li parolis en Peckham Literary Institute pri la lingva problemo en Eŭropo. La postan vesperon li estis invitita ripeti la paroladon en Clapham Junction Commercial Institute. La 24. 9. li parolis en Marylebone Commercial Institute kaj la 25. 9. en la Londona Klubo okaze de festvespero.

Dua loko estis Eastbourne, kie vespere okazis publika propaganda kunveno. Ĉeestis multnombra vizitantaro, la urbestro kaj aliaj aŭtoritatoj, kies intereson sin direktis al la samtempe okazinta kunveno de la Sud-Orienta Federacio.

Sekvis paroladoj en Bournmouth la 28. 9. kaj en Torquay la 29. 9. La 30 9 li paroladis jam en Plymouth.

De l' 2—4 S-ro Ĉe dediĉis sin al kunlaboro per prelegoj en la Somera Universitato en Welwyn-Garden-City, aranĝita laŭ la modelo de l'Geneva Somera Universitato. La 5. 9. denove li paroladis en London, la sekvantajn tagojn en Hastings, Luton kaj en London.

La 10. 10. okazis en Liverpool la kongreso de la Federacio de Lacashire kaj Cheshire, kie li havis denove okazon entusiasmigi la ĉeestantojn.

Tri pluaj tagoj estis donataj al propagando en Manchester. D l' 15—18. 10 S-ro Ĉe paroladis en Accrington kaj en Burnley.

De la 18.—25. 10. li estis denove en London por ĉiutage fari propagand-paroladon. La unuan en antaŭurbo Croydon prezidis la urbestro. La 25. 10 li faris publikan paroladon en Hyde-Parko. Belega vetero altiris amasegon da aŭskultantoj, kiuj certe profitis el la elokventa parolado.

La loko de l' 26. 10 estis West-Hartlepool, kie okazis parolado ĉe la Asocio de subtenantoj de la Ligo de Nacioj kun granda sukceso.

La 27. 10. S-ro Ĉe paroladis en Newcastle ankaŭ de la radio-stacio. Okazis je lia honoro bone sukcesinta lunĉo laŭ invito kaj sub prezido de la Lordmajoro kaj altrangaj personoj, kiuj vive interesiĝis pri Esperanto.

La 29. kaj 30. 10. okazis du paroladoj en Sunderland.

La vojaĝo daŭradas. Ni esperas, ke ĝi finos kiel unika sukceso. Ni kore dankas tie ĉi al ĉiuj anglaj amikoj, kiuj tiel amike kaj gastame akceptis nian kunbatalanton.

Raporto pri la posta vojaĝo sekvos ankoraŭ.

*

### Gazeta statistiko.

La viglecon de la propagando en monato oktobro pruvas la gazetartikoloj, alvenintaj ĉe ni.

Ni ricevis en lingvoj:

| | | |
|---|---|---|
| angla | | 43 |
| germana | (Svislando) | 79 |
| germana | (Germ., Aŭstrio, Ĉeĥosl.) | 21 |
| franca | (Svislando) | 90 |
| franca | (Franc. kaj Belg.) | 12 |
| hispana | | 19 |
| holanda | | 2 |
| itala | | 4 |
| kataluna | | 2 |
| pola | | 1 |
| rusa | | 1 |
| sveda | | 1 |
| | entute | 275 |

eltranĉajojn en 10 lingvoj. Rimarkinda estas la longeco de multaj artikoloj. La hispanaj kaj kelkaj francaj ampleksas ĉiufoje 2 kolonojn.

Ni petas ĉiujn propagandistojn regule sendi al ni eltranĉajojn aŭ gazetojn, signante la koncernan artikolon per ruĝa krajono.

*

### Redakcioj, land- kaj fakorganizoj!

Por igi pli intimaj kaj konstantaj la rilatojn kun nia komitato kiel centra institucio de la tutmonda propagando ni petas ĉiujn redakciojn sendi al nia adreso regule 1 ekzempleron de sia organo laŭ supra adreso. Al land- kaj fakorganizoj ni dankos por regula sendo de siaj cirkuleroj kaj informoj en Esperanto. Faciligu la laboron de C. K. per konscia disciplino!

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle. Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

**Problemo N-ro 158**
*E. Pradignat*, Saujon
(L' Eco degli Scacchi 1901)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 159.**
*M. Havel*, Praha
(Šachove' Listy 1901).

Blanko matas per la 3-a movo.

**Ludpozicio N-ro 15.**
(Revaler Beobachter 1899)
Blanko: *A. Labbé*, nigro: amatoro.



La ludo okazis en Tallinn en jaro 1899 kaj finis en sekvanta brilanta maniero:

1. Df 3—h5!+ g7—g6
2. Dh5×g6 Th6×g6
3 Sd 3×g6+ Re8—d8
4 Ĉg5—f7+ Rd8—e8
5. Ĉf 7×d6+ Re8—d8
6. Ĉd6—f7+ Rd8—d8
7. Ĉf7—e5+ Re8—d8
8. Ĉe5—c6 mato.

**Ludpozicio N-ro 16.**
(Právo Lidu 1913)
Blanko: *Fr. Hájek*, nigro: amatoro.

La ludo okazis en Praha en jaro 1913 kaj estis finita en sekvanta problemsimila maniero:

1. Ĉb4×c6! Ĉa5×c6
2. Dc2—b3+!! (minacas ludi Db3×b8) Tb8×b3
3. Ke2—c4+ Rg8—h8
4. Tf 2—f 8+ Td8×f 8
5 Tf 1×f 8 mato.

En ĉi tiuj ambaŭ ludfinoj estas uzita la sama manovro: Oferpropono de la damo cele de forlogo de la turo. La funkcion de la damo anstataŭigas pli poste la malplipotenca kuriero.

### *Solvoj de la problemoj:*

N-ro 154: 1. Df 8—f 7. Tf 5×d 5. 2. Tg 5—g 4 m. Re 4×c 5, 2. Df 7—b 7 m Tf 5—f 4+ 2. Df7×f 4 m. e6×d 5, 2. Df 7×f 5 m Tf 5×g 5. 2. Ĉd 5—c 3 m. Tf 5—e5, 2. Ĉd5—c3 (dualo Tg5×e5) m. alimove, 2. Ĉc4—d2m.

N-ro 155: 1. Ĉg 5—e 6, Dd 4×c 5, 2. Db 2—c 1, Dc 5×c 1 m. Kd 5—c 4+ 2. Db 2—e 2+, Kc 4×e 2 m. Kd 5×e 6 2. Th 2×h 3+, Ke 6×h 3 m.

N-ro 156: 1. Kg 6—e 8 Tb 8×e 8, 2. Ĉb 5—c 3 ktp., Tb 8×b 5 aŭ c 7—c 6, 2 Ke 8—f 7+ktp Rc4—d5, 2. Ta 3—d 3+ ktp. Rc 4—d4, 2. Te3—b 3+ktp. alimove, 2. Ta3—a4+ 3. c 2—c 4m.

N-ro 157: 1. Kc 7—d 6. Df 8×d 6 2. T×f 4+ ktp. Df 8×f 5, 2. Ĉc 5—b 3+ ktp. Ĉb 8—c 6+, 2. Tf 5×f 8 ktp. alimove, Tf 5×D ktp.

### *Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

146, 147, 149 Th. Rawlinson, Wavertree, Liverpool: 146, 148, 150, 151, 153 J. Unguraitis, Žaliašarkiai; 146, 149, 150 S. Frantz, Paris: 150 ĝis 153 H Steding, Bremen.

### *Korespondo:*

S-ro Bailey. Dumova probl. Rf2 Rb7 presota. La sinmato Rh 1 Rf 2 ne estas korekta pro 1. Td6 Rg3! — S-ro Steding. Dumova probl. Rc 3, Rf 4 presota. — S-ro Frantz. Sufiĉas sciigi la unuan movon de la solvo. 152 nesolvebla per 1. Rf8 pro h 7—h 6. — S-ro Brotomidjojo. La malgranda spaco al nia ŝakangulo dediĉita, ne permesas al ni tro riĉe trakti la ŝakon, sed ni penos kulturigi ankaŭ la etudon same kiel la finludon.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ: L = letero. PK = poŝtkarto. PI = poŝtkartoj ilustritaj. PM = poŝtmarkoj. bfl = poŝtmarkoj sur bildflanko. kĉl. = kun ĉiuj landoj. Esp-aĵo = Esperantaĵo. fot-aĵo = fotografaĵo. gaz. = gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Dankesprimo!** Al ĉiuj samideanoj, kiuj bonvolis konforme al mia alvoko, send al mi sialandajn gazetojn, mi esprimas plej varman dankon. Bedaŭre mi ne konas la adresojn de ĉiuj sendintoj, ekz. la afablan sendinton de bela kolekto de arteldonaĵoj el Finnlando, kiu do ĝis nun ne ricevis de mi ilustritan poŝtkarton, bonvolu komuniki al mi sian adreson. La ekspozicio prokrastiĝis pro teknikaj malfacilaĵoj je kelkaj monatoj. Por pliriĉigi la kolekton, mi volonte akceptos pluajn sendaĵojn. Ĉiu sendinto ricevos ilustritan poŝtkarton de mia urbo kaj post la okazigo de la ekspozicio fotografaĵon de ĝi. Wl. Miekicki, str. Staszyca 25, Poznan, Pol.

**Ekspozicio.** Materialon petas por ekspozicio, komercajn reklamilojn, gvidlibrojn. Rekompenco per esperantaĵo el Svislando. Paul Enz, Bahnpostfach, Zürich.

**Filatelistoj** bezonantaj ricevi kompletajn seriojn de ĉeĥoslovakaj poŝtmarkoj aŭ kompletigi sian kolekton, komencu tuj interŝanĝrilaton kun mi. Mi havas specialan kolekton de ĉeĥoslovakaj poŝtmarkoj kaj mi estas volonte je afabla dispono al seriozaj gekompletemuloj. Interŝanĝe mi prenas nur indajn poŝtmarkojn aŭ monerojn. Lojzo Janza, biendirektoro de ŝtata spiritmalsanulejo, Legionárske nám. 18, Košice, Slovakio.

**Kromeŭropanoj!** Mi interŝanĝas poŝtmarkojn (bonajn) kaj poŝtkartojn ilustritajn el ĉiuj regionoj de mondo, vidu mian grandan reklamon! Jan Mikš, Praha-Nusle, urba ŝparkaso, Riegrovo nám. 612, Ĉeĥoslovakio.

**Moneroj.** Samideanoj, kolektantoj de moneroj, ricevos de mi post alvoko kompletan serion de novaj moneroj de la Ĉeĥoslovaka respubliko, t. e. la 2, 5, 10, 20, 50 hel. kaj 1, 5 Kč. unu aŭ duope. Interŝanĝe mi petas monerojn aŭ indajn poŝtmarkojn. Lojzo Janza, biendirektoro de ŝtata spiritmalsanulejo, Legionárska nám. 18, Košice, Slovakio.

**Stenografio.** Petu la skriban kurson „Stenografio por esperantistoj" de B. P. Roubos, Noordendijk 90, Dordrecht (Nederlando). Al petantoj li sendas senpage la unuan lecionon kun bezonaj informoj. Por tiuj, kiuj sukcese respondos la postulojn por la praktika uzado, sekvos, post la oka leciono, diplomo A.

**Verko** „La malbona flankoj de sporto". Por revendistoj kaj societoj minimume 20 ekzempleroj tre malmultekoste. Sciigu adreson presaĵe, por ricevi detalojn. J. Vahtkerl. Luise t. 5—11, Tallinn, Estonio.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Britlando.

**London N. W. 10,** S-ro R. C Craft, juna komercisto, 90 Holland Road, Harlesden PK, L kĉl. pri politikaj aferoj kaj vivkondiĉoj, angle, esperante aŭ france.

**London W. 13.** S-ro W. L. Newton, juna komercisto, Coldershaw Road, West Ealing principe kun fraŭlinoj pri ia temo kĉl., france aŭ angle.

### Bulgario.

**Gorna Djumaja.** S-ro Simeon Angelov, eksinstruisto kaj telegrafisto, 26-jara, PI, L kun personoj skribantaj elegante, klare kaj legeble.

**Kara Agaĉ.** S-ro Grigor G. Ŝutov serĉas franclingvan korespondanton, korektanta lecionojn en tiu lingvo. L, PI, PM kun teknikaj lernantoj de limeŭropaj kaj ekstereŭropaj landoj.

**Stara Zagora.** S-ro Hristo Karakolev, PI, L kun junuloj ĉiulandaj.

### Ĉeĥoslovakio.

**Fryštat,** Silezio. S-ro Adolf Juzl, 24-jara, magistrata librotenanto, L, PI kĉl. pri la nacia, socia, kultura kaj ekonomia vivo. Certa respondo.

**Georgswalde No. 7.** S-ro Otto Bittner, PI, L, PM kun seriozaj kolektantoj. Ĉiam respondas.

**Jablonė nad Orlicí.** S-ro Josef Frank, N-ro 50, PI, bfl, esperante kun ekstereŭropanoj, angle, kĉl. Interŝanĝas naciajn ilustritajn gazetojn. Certe respondos.

**Košice.** S-ro Lojzo Janza, biendirektoro de ŝtata spiritmalsanulejo, Legionárske nám. 18, PI, bfl., monerojn. Havigas interŝanĝe laŭdezire ĉion, tre servema, nur kun seriozaj gesamideanoj.

**Pelhrimov.** S-ro V. K. Voll, delegito de UEA, L, PI, PM, fot-aĵojn kĉl.

**Praha I.** S-ro Jára Šmejkal, Karolíny Světlé 14, PI bfl kĉl., certe respondos.

**Praha XII.** S-ro Josef Hrabě, oficisto, Palackého třída 61, PM kĉl.

**Radkyně okres Nová Paka.** S-ro Jaroslav Machek, lernejestro, PI bfl, L pri religio, socia vivo, pedagogio kĉl., precipe kun ekstereŭropaj landoj. Nur seriozaj korespondantoj serĉataj. Ĉiam respondas.

**Solnice.** F-ino Ada Vaníček, poŝtoficistino, PI kĉl.

### Estonio.

**Tartu.** S-ro E. A. Jürgenson, Peterburi tän. 6, PI, L kĉl.

**Tallinn.** Postiljon S-ro Joh. Vahtkerl, kolektas interŝanĝe PI pri tipoj de neblankaj rasoj. Deziras ankaŭ korespondi kun gesamideanoj el tiuj ĉi rasoj.

### Finnlando.

**Pori.** S-ro Toivo Setälä, Rühikatu 19, PM kĉl., donas PM de Finnlando, Inkerio, Karelio kaj Aunus.

### Franclando.

**Beauvais (Oise).** S-ro Paul Pitre, 19 rue Louis Graves, sendos dek malsamajn francajn PM post ricevo de dek alilandaj.

**Nimes (Gard).** Commandant Allard, Bureau de Recrutement, L, PI.

**St. Genis-Laval.** F-ino Bloch, Observatoire, L, PK kĉl.

**St. Genis-Laval.** S-ro Gindre, Observatoire, L, PK kĉl.

### Germanio.

**Berlin-Tegel.** S-ro Walter K. Breitschneider, 15-jara, Treskowstr. 19, I, L, PI, PM, fot-aĵoj kun 13—16-jaraj knaboj kaj knabinoj kĉl.

**Borkendorf** bei Neisse. S-ro Franz Buchmann, L, PI kĉl. pri vivo, ŝako, ankaŭ kun fraŭlinoj. Respondas nepre.

**Bochum.** S-ro W. Giessner, Helenenstr. 10, L, PK kĉl.

**Dresden-A. 16.** S-ro Fritz Zocher, 20-jara studento, Silbermannstr. 23, II, angle, france, germane aŭ esperante.

**Dresden-N. 23.** F-ino Frieda Richter, Döbelner Str. 35, Eg., PI.

**Dresden-N. 23.** F-ino Erika Böttger, Weimarische Str. 6, III, PI.

**Essen-Ruhr.** S-ro K. Köhler, Schäferstr. 29, por oficialaj PK mi sendas oficialaj aŭ PI.

**Görlitz.** S-ro Wilhelm Mühle, kompostisto, Pontestr. 7, III, L, PK, PI bfl, PM, esp-aĵojn, gaz. kĉl. Ĉiam respondos.

**Görlitz.** S-ro Alfred Dittmann, ŝtatoficisto, Lutherstr. 16, PI bfl, L, fot-aĵojn kĉl., ankaŭ kun fraŭlinoj. Ĉiam respondos.

**Magdeburg.** F-ino Charlotte Mielau, Ansbacherstr. 1, kun sinjoroj el Anglujo kaj Francujo pri ĉiuj temoj krom politiko kaj sporto, L, PK.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon.

**Worms.** F-ino Marie Bott, Talstr. 47, PI, L kun seriozaj gesamideanoj.

**Worms.** F-ino Luise Rangé, Stephansg. 18, PI, L kun ĉiulandaj esperantistinoj.

**Worms.** F-ino Therese Gotthold, Scheidtstr. 14, PI, L, prefere kun junaj gek[illegible]ercistoj. (Del. de UEA en Worms garantias pri respondo de la 3 anoncintoj.)

### Japanlando.

**Tokio.** S-ro Kojiro Janagi, 20-jara studento, Sankaku, Kasai-mura, kun gesamideanoj en Ameriko, Azio, Afriko. Mi certe respondos al ĉiuj.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro A. G. v. d. Erve, van Houweningenstraat 4, L pri fervojaj organizacioj kun kompetenta angla samideano.

**Venlo.** S-ro Pierre Pijpers, Heutzstraat 51, PM kun progresintaj kolektantoj laŭ Yvert kaj Tellier.

### Persio.

**Sultanabad.** S-ro Fazlollah Han Parvin, PI bfl.

### Pollando.

**Lwów.** S-ro Ing. Stanislaw Golczewski, aĝo 25, ul. Zyblikiewicza 20, L, PK, PI kĉl. (ankaŭ france kaj germane) nur kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj pri amuzo.

**Tustanowice-Boryslaw.** S-ro Josef Kiszecki, 25-jara fraŭlo, wysypy 162, L, PI bfl kĉl.

**Wicslawa (Piotrkowska).** S-ro Antoni Ratman, oficisto, poczta Poraj, PI bfl, PM, esp-aĵo, fot-aĵo kĉl.

**Zagozdzon** (W. W. P.). S-ro P. Tomalik, PM kĉl. laŭ Yvert 1925.

### Sudslavio.

**Komiža 657.** S-ro Andro Mardešić, lernanto, PI, PK kĉl.

### Usono.

**Orange (Texas).** S-ro K. A. Susiki, japana samideano, P. O. Box 79, PI kĉl.





Mundlos-kudromaŝinoj (antaŭe Original Victoria) estas mondfamaj pro unuaklasa kvalito kaj granda laborkapableco!

Mundlos Aktien-Gesellschaft fabriko de kudromaŝinoj :: Magdeburg 36 (Germ.)

